VIIIa jaro. N° 121 ★ Duonmonata ★ 20 Aprilo 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**
**Jara abono** . . . . . . **2,00 $** (5 fr. »)
**Luksa eldono** . . . . . **2,50 $** (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**
**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco). **20 Sd.**
**Anonceto** (1 linio : 10 vortoj) . **15 Sd.**
**Korespondado** (Mankskribo) **20 Sd.**
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

**Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)**

## TEKSTO



# Kion devas scii la Esperantistaro

Kiam en Antverpeno ni permesis al ni atentigi la kongreson pri tio, ke oni penas fari la internacian organizon, ne dirante ĝin, kaj meti la proksiman kongreson antaŭ plenumita fakto, kelkaj personoj bonvolis rimarkigi, ke ni iluzias kaj tro pesimiste juĝas la situacion. Ili asertis, ke ĉar oni elektis komisionon por *studi* la demandon pri internacia organizo, estas memkompreneble, ke oni ne povas *dume* starigi tiun organizon. Efektive, la logiko diras, ke se oni elektas komisionon por studi ian demandon, tio okazas ĝuste ĉar tiu demando ne estas ankoraŭ solvita, aŭ, se demando estas solvita, ni ne tre bone vidas, kial oni bezonas elekti komisionon por ĝin esplori. Tamen okazis ĝuste tio, kio ŝajnis kontraŭ la logiko : oni elektis — en kiaj kondiĉoj mi eĉ ne plu volas insisti — komisionon por esplori la organizan demandon, kaj dum tiu komisiono estas supozata esplori la problemon, oni simple starigas la tiel nomatan organizon de la Esperantistaro. Estas vere, ke tio ne estas multe pli mallogika, ol la aliaj decidoj de la kongreso — konsekvenco de la intencita malordo, en kiu estas prezentitaj la diskutotaj temoj.

Por pruvi, ke nia aserto ne estas nur persona opinio, sed konstato de faktoj, ni petas de niaj legantoj la permeson legi kun ili la cirkulerojn, konfidenciajn aŭ ne, kiujn de post la kongreso ricevis la membroj de la Administra Komitato (1). Tiu legado, ŝajne, ne estas tre alloga ; oni tamen vidos, ke ĝi estas speciale instrua pri la labormetodoj uzitaj por trudi al la Esperantistaro organizon, kiun ĝi ne ŝajnas akcepti kun la entuziasmo dezirata de kelkaj.

La 1-a cirkulero, datumita 6-an de novembro, estas nur resumita en *Oficiala Gazeto* (N-o 9). La plej interesa parto estas kompreneble tiu, kies resumo ne aperis. Ni do prefere uzos la originalon. Per tiu cirkulero oni prezentis projekton de interna regularo de la Administra Komitato, por kiu ekzistas jam ekstera regularo teorie voĉdonita de la kongreso (1). En la sama cirkulero la komitatanoj estis petataj voĉdoni pri elekto de prezidanto ; je la fino G-lo Sébert montris, ke « neniam la Centra Oficejo havis la celon reformigi nian lingvon, kiel diris kelkaj malamikoj, sed nur celis la apogon kaj defendon, per ĉiuj rimedoj (*sic !*) de la institucioj de Esperanto ».

Pli interesa estas la aldonita kopio de la financa resumo pri la kontoj de la Centra Oficejo, konfidencie komunikata al la membroj. Ĉi tie ni devas esprimi nian miron pri tiu « konfidencieco ». La kono de la financa situacio de la Centra Oficejo Esperantista estas nepre necesa kondiĉo por elmeti pripensitan opinion pri la organiza demando, kaj ĉar tiu demando fine koncernas la tutan Esperantistaron, kiun oni petas pagi, ni ne komprenas, kial oni ĝuste malmontras al ĝi la elementojn por matura pripenso. Ni do permesos al ni levi la trioblan vualon de la konfidencieco kaj citi kelkajn pripensigajn ciferojn :

De sia kreo ĝis fino 1910, la C. O. elspezis por sia ĝenerala

(1) La Administra Komitato estas la antaŭa Internacia Financa Konsilantaro ; prezidanto estas G-lo Sébert, de kiu estas subskribitaj la tie analizataj cirkuleroj.

(1) Tiu voĉdonado okazis je la fino de longa kunveno, kiam ĉiuj estis lacigitaj. Oni eĉ ne legis la tekston, kvankam neniu ĝin havis en la mano.

funkciado — *ne* enkalkulante la kongresajn kontojn, kiuj estas aparte — 115.322,80 frankojn; ĝi enspezis, per donacoj, 119.387,85 fr. Por 1910 — la lasta jaro montrita — la enspezoj (donacoj) estis 19.201.55 fr. kaj la elspezoj 28.702,25 fr. Tiuj elspezoj dividiĝas jene: salajroj 7.353,45 (1), hejmaferoj (2) 5.029,05 fr., ĝenerala propagando (?) 6.846,35 fr., arkivoj kaj biblioteko 90,05 fr., vendejo 4.108,55 fr. Lingva Komitato 260 fr.

El tiuj ciferoj kelkaj konkludoj sin trudas:

1e La C. O. elspezas por sia funkciado meznombre 25.000 ĝis 30.000 fr., sen specialaj servoj. Sekve por retrovi tiun sumon per kotizajoj, ĝi bezonus, ke *250.000* ĝis *300.000* Esperantistoj pagu la voĉdonitan kotizajon da 10 centimoj!! Ĉar en Antverpeno estis reprezentitaj 26.825 Esperantistoj (ni estu precizaj!), kiuj cetere nenion pagis, mi deziras al la C. O. bonan sukceson! Tiu kalkulo montras, ke la C. O. neniam povos vivi per si mem, sen eksteraj monhelpoj kaj donacoj. Eĉ se oni *dekobligus* la kotizajon, ĝi tamen bezonus 30.000 membrojn, rezultato nun neebla, kiel pruvas U. E. A. Oni do proponas al la Esperantistaro havi kiel centran institucion ion, kio estas eterne difinata por deficitoj kaj eterne kondamnata peti donacojn dekstre aŭ maldekstre.

2e Por la oficialaj institucioj, pri kies subtenado devas zorgi la C. O., estas elspezitaj nur 260 fr. (3.147,40 fr. de 1905 ĝis 1910). Eĉ se al tio oni aldonas salajron de unu oficisto, oni ricevas relative malaltan sumon, kiun la Esperantistaro facile povus liveri. La demando pri subteno de la lingvaj institucioj, kiu estis la ĉefa argumento por pravigi la necesecon de centra organizo estas do facile solvebla sen la bezono de tia organizo, kiun ĝi ne postulegas, kiel oni penas kredigi.

3e Oni eble respondos al mi, ke la C. O. vivis per donacoj, kaj ke, anstataŭ kritiki, mi devus ĝojegi, danki kaj esperi similan estontecon. Sed mi demandas serioze ĉiun Esperantiston, ĉu estas dezirinde, ke ilia centra institucio — ĉar tia ĝi almenaŭ intencus esti — ne estu kapabla iam vivi per si mem? Ĉu tia eterna dependeco de tiu aŭ alia malavara riĉulo estas akordigebla kun la fakto, ke tiu institucio estos la organo de la Esperantistaro (3)? Ĉu la fakto, ke tiu lasta nenion aŭ tre malmulte pagas, praktike permesas al ĝi interveni en la aferojn de la C. O. kaj decidi pri ĝia agado? Ni staras do antaŭ tiu dilemo: aŭ la C. O. estos la organo de la Esperantistaro kaj tiam ĝi devas vivi dank'al tiu lasta, kiu rajtos ĝin kontroli, aŭ ĝi estos ĉiam plimalpli en la dependeco de unu aŭ kelkaj personoj, kaj anstataŭ servi al la Esperantistaro, ĝi tendencos al tio, ke la Esperantistaro servu al ĝi. Ni vidis, ke la unua solvo ne estas ebla. Ĉu la Esperantistaro konsentos pri la dua, kiu promesas al ni konstantajn malcertecon kaj malpacojn? ĉu ĝi volas tiamaniere nuligi sian liberecon de agado, aŭ ĉu ne estas preferinde havi ion pli simplan, pli modestan, pli adekvatan al niaj bezonoj, sed kiu ĉu nun, ĉu baldaŭ povos vivi per si mem? Ĉu denove oni ne postulas de nia anaro ion neeblan, nur pro tiu blufemo kaj grandŝajnemo, kiuj tiel domaĝigis nian movadon?

4e Oni elspezis de 1905 ĝis 1910 ĉirkaŭ 115.000. fr. Ĉu vere tiu sumo estas proporcia kun la praktikaj rezultatoj atingitaj? Ni restas skeptikaj. Oni publikigis dikajn oficialajn dokumentarojn, tre malofte konsultatajn, oni nun enregistrigas malnovajn librojn, kaj multe penas por elpensi longajn kabalistikajn seriojn de bibliografiaj numeroj por ilin klasigi, sed ĉu tiu laboro valoras la supre nomitan sumon? Kontraŭ tiuj elspezoj, mi ŝatus vidi kelkajn pozitivajn faktojn. Oni diros, ke tion mi ne pagis kaj ke mi sekve bonvolu silenti. Sed ĝuste oni petas, ke de nun la Esperantistaro pagu; ĝi do rajtas ekzameni, kio estas farita por havi kelke da ideoj pri tio, kio okazos. Plie en la aludita cirkulero mi legas la jenon:

« ..... Mi estas preta por daŭrigi ankoraŭ dum kelka tempo la pruntedonon de mono por la subtenado de la oficialaj partoj de C. O.... sed mi petas, ke vi bonvolu rimarki, ke tiujn monsumojn, mi esperas, oni povos repagi al mi, kiam la Regularo de la C. O. voĉdonita dum la Sepa Kongreso, plene funkcios. »

Do, se ni devas repagi, ni tiom pli rajtas esti informataj.

El la sama financa resumo mi legas, ke la *Oficiala Gazeto* havis entute deficiton da 10.294,80 fr. (En 1910 ĝi enspezis 1551,05 fr. kaj elspezis 5,021,98 fr. deficito: 3,470 85 fr.) Kiam iu eldonisto konstatas, ke la trian jaron lia eldonaĵo ankoraŭ havas tian deficiton, li ĝenerale aŭ ĉesigas ĝin aŭ tute ĝin transformas. Tio estas necesa heroaĵo. Fakte la *Oficiala Gazeto* publikigis listojn de grupoj, kies utileco estas tre duba, kaj pri la lingvaj institucioj informojn tiajn, ke ili estus facile publikigeblaj unu aŭ dufoje jare en speciala malgranda aktaro. Ĉiuokaze estas plene senutile ĉiujare pagi 3 aŭ 4.000 fr. por io facile transformebla. Tiuj elspezoj havas karakteron de tia videbla superflueco, ili estus tiel facile eviteblaj, ke oni eĉ ne povas kompati tiujn, kiuj ilin pagis. Ni ne kredas, ke la agado de la L. K. estas tiel febra, ke la publikigo de ĝiaj aktoj postulas specialan monatan gazeton. Almenaŭ laŭ la konkretaj rezultatoj oni konstatas, ke la Esperantistaro malmulte interesiĝas je tiuj dokumentoj.

Mi iom longe esploris la financan demandon. Ĝi estas efektive esenca. Kiu volas abstrakte esplori la organizan demandon sen ekzameno pri la financa situacio de la koncernaj organizaĵoj, ne povos alveni al konkludoj praktike valoraj. Tial la konfidencieco de tiuj ciferoj, kiuj hontigas neniun, estas neniel pravigebla. Oni petas nian monon. Ĉu oni permesos al ni juĝi, kiel ĝi estos uzebla, eĉ se de tia ekzameno rezultas malagrablaj konkludoj?

* *

Ni transiru al cirkulero 2a (18 novembro). Tiu cirkulero priparolas la fiksadon de la kotizaĵo. Oni eble rememoras, ke je la fino de la dua laborkunveno en Antverpeno, kiam la kongresanoj, lacigitaj de konfuzaj diskutoj kaj pli pri okupitaj de la tagmanĝo ol de la organiza demando, estis forirontaj, oni proponis, kvazaŭ hazarde, ke povos elekti rajtigitajn delegitojn nur la anoj de grupo pagintaj jaran kotizon al la C. O., difinotan de la Administra Komitato. Tiu propono, konfuze diskutita en tiu lasta momento, estis fine akceptita per malgranda plimulto. Tio estis farita rapidege, antaŭ ol oni havis la eblon diskuti la financan staton de la C. O., antaŭ ol oni ion decidis pri la organiza demando. Sed, mi ripetas, estis pli ol la dek-dua, oni estis malsata, kaj en tiuj okazoj oni voĉdonas kion ajn — eĉ du foje malsaman aferon kiel mi vidis. La afero estis do lerte aranĝita. La procedo estas duba, sed oni scias, ke nur la rezultatojn oni devas konsideri..... En la cirkulero 2a, oni proponas 1 Sm. por ĉiu aro de 25 anoj. Plie, por esti enregistrigata, ĉiu grupo devas mem pagi kotizajon de 2 Sm. kun abono al *Oficiala Gazeto*. Anstataŭ unu kotizaĵo, jam tre kontestita, oni ricevas du! Ni haltu momenton por admiri la situacion en ĝia tuta beleco: La Kongreso elektas komisionon por esplori la organizan demandon, kaj por la bela ŝajno oni petas, ke ĉiuj personoj, kiuj havas proponojn, bonvolu ilin sendi al la dirita komisiono, kiu raportos antaŭ la 1a de Januaro 1912 (kion ĝi cetere tute ne faris). Dume, oni agas kvazaŭ tiu demando estus solvita, voĉdonigas surprize koti-

(1) Dum 1911, U. E. A elspezis por salajroj. 5.359,20 fr.

(2) Luprezo de la ĉambroj, oficejoj, hejtigo, lumigo, ktp. (Ĉe U. E. A. dum 1911. 851,70 fr.)

(3) Ni tie ne ekzamenas, ĉu tiu organo estas utila aŭ ne — kio estas tre kontestebla — sed ni vidas, ke eĉ se ĝi estus utila, ĝi sur la nuna bazo ne povas ekzisti per si mem.

zajon, postulas du anstataŭ unu, kaj preparas ĉion por meti la Esperantistaron antaŭ plenumita fakto. Se oni komencas agi kun tia orda maniero, ni antaŭvidas, ke la « centra » organizo alportos al ni pli da disputoj, ol da utilaj rezultatoj.

La 3a cirkulero (16 decembro) estas dediĉata al la kreo de Societo de amikoj de Esperanto (I. S. A. E.), kiu laŭ § 1. celas « helpi la klopodojn de la C. O. por plifaciligi la enkondukon de Esperanto en la tutan mondon, kaj ĝian disvastiĝon kaj ĝeneralan uzadon, kiel duan lingvon inter ĉiuj popoloj ». Kvankam la organiza demando ne estas solvita, ni jam havas : 1e Centran Oficejon, 2e Konstantan Komitaton de la Kongresoj, 3e Administran Komitaton, 4e Societon de Amikoj de Esperanto, 5e Rajtigitajn Delegitojn. Kia simpleco ! Plie, en cirkulero 3e oni diras al ni :

« ..... Ĉar tiu societo (I. S. A. E.) kunligos multajn kategoriojn de personoj, ĉu jam adeptoj de Esperanto, ĉu nur amikoj de la lingvo, ĝia kreado estas tute sendependa de la kreado de Unuiĝo de la naciaj Esperantistaj societoj (ankoraŭ ! Red), kiun kelkaj Esperantistoj povas ankoraŭ proponi kaj kies kreadon nur povas regule decidi nova Kongreso. Ĝi do povas funkciadi apud tiu Unuiĝo, se tiu kreado estas decidita, kaj ĝi ne sin turnas tute al la samaj personoj kaj havas ankaŭ malsaman celon. »

Facile estas aserti tion. Tamen, ni ne bone vidas, kiel kunvivos tiu ĥaoso de institucioj, verŝajne kunligotaj per nova komitato. Kio okazos, se estas konflikto inter tiuj Amikoj de Esperanto (kiuj povas esti neesperantistoj) kaj la Esperantistaro ? Ĉar la unuaj pagas (1), ĉu ili ne rajtos pli-malpli trudi decidojn al la duaj, kaj se la duaj rifuzas sekvi (ekzemple, se la unuaj deziras reformojn), la « amikoj de Esperanto » plene rajtus ĉesigi sian helpon (2). La Esperantistaro estos do submetata al la reĝimo de la plutokratio (regado de la plej riĉaj), kiun oni ne konfuzu kun aristokratio (regado de la plej bonaj)...

La 4a cirkulero (30 januaro) informas nin, ke la C. O. ricevis 20 respondojn, el 35 membroj. Inter tiuj 20, 4 malaprobis, 3 faris diversajn kritikojn, kaj *13* aprobis la proponitan kotizajon, kiu do eĉ ne estis akceptita de la plimulto de la membroj (13 el 35 !). Tio ne estas grava : la duobla kotizaĵo estas konsiderata kiel akceptita. La grupoj, kiuj volas ankoraŭ ekzisti kaj havi la eblon esprimi sian opinion, devas do nepre aboni la *Oficialan Gazeton*, kvankam la Kongreso decidis absolute nenion similan. La celo de tiu manovro estas la jena : ĉar pagos tiun duoblan kotizajon nur la grupoj pli-malpli favoraj al centra organizo per la C. O. kaj ĉar nur tiuj grupoj estos reprezentataj en Krakovo, oni tiel esperas, ke la rajtigitaj delegitoj nur sankcios tion, kio estis farita, ornamante la tuton per nova malpreciza komitato. Tiel okazos, se la Esperantistaro, komprenante, ke oni fidas ĝia nescio, ne resendos la duoblan kotizajon kaj tiujn admirindajn regularojn al iliaj aŭtoroj — afero plej facile realigebla.

La cirkulero 4-a estas rimarkinda pro sia malklareco. Se la membroj de la Administra Komitato ofte ricevas tiajn komunikajojn, ni sincere kompatas ilin. Per la cirkulero 2-a, oni submetis al la anoj de la Administra Komitato projekton de regularo « por la enskribo de societoj kiuj deziras elekti rajtigitajn delegitojn ». Kiel ni supre vidis, tiu regularo ŝajnis akceptita ; tamen la prezidanto diras en cirkulero 4-a :

Por forigi ĉiun dubon aŭ malklarecon, mi do preparis novan tekston de Regularo iom ŝanĝitan, en kelkaj paragrafoj, kaj pli precizan en kelkaj detaloj, kio memorigas la kialon de la proponitaj decidoj.

Estas aldonita alia regularo pli longa ol la antaŭa, jam voĉdonita, kun speciala decido pri la duobla kotizajo, kvankam ŝajnis rezulti, laŭ la komenco de la cirkulero, ke tiu decido estas jam alprenita. Oni vidas, ke ni estas en marĉo, el kiu ne facile estas eliri. Ĝis nun ni ne scias, ĉu tiu regularo estas akceptita, kaj mi tre dubas, ĉu multaj membroj interesiĝas pri tio. Tio ne malhelpas, ke oni agas kvazaŭ ĝi estus akceptita, kaj de nun postulas la kotizajon.

La 1-an de marto, nova cirkulero :

Mi ricevis kelkajn (*sic !*) respondojn el miaj kolegoj pri la projekto de Regularo de nia Administra Komitato. Tiuj respondoj unuanime aprobas la prezentitan projekton, kaj ankaŭ interkonsentas por peti min, ke mi akceptu la postenon de Prezidanto de tiu Administra Komitato. Ĉar la nombro de tiuj respondoj estas jam sufiĉa por montri la ĝeneralan opinion de niaj kolegoj kaj aliparte, ĉar la tempo urĝas kaj estas necese, ke nia Administra Komitato povu regule funkciadi, mi opinias, ke ni povas, almenaŭ provizore, apliki tiun proponitan Regularon...

Do, venas *kelkaj* respondoj. Oni (?) konsideras tion sufiĉa kaj deklaras la regularon akceptita, ĉar la tempo urĝas !

Sed aparte interesa estas la jena frazego :

Mi scias, ke kelkaj el miaj kolegoj ne respondis ĝis nun al miaj cirkuleraj leteroj, nur ĉar ili opiniis, ke ili devas antaŭe interkonsenti kun siaj elektintaj grupanoj aŭ kun la komitato de siaj Societoj. Sed mi permesas atentigi vin, ke tio estas ne prava kompreno de la rolo de la anoj de la Administra Komitato. Efektive por ebligi la funkciadon de iu administra komitato, kiu reprezentas la interesojn de la anoj de ĉiu societo, la komitatanoj, kiuj estas elektitaj por formi tiun Administran Komitaton de la Societo, devas preni sur sin la respondecon de voĉdono aŭ de decido dum la konsiliĝoj kaj precipe ne povas prokrasti siajn respondojn por atendi avizojn de siaj elektintaj anoj. Ili povas nur, se ili opinias tion necesa, raporti pri siaj agadoj kaj voĉdonoj por poste ilin aprobigi, kiam ili povos regule tion fari laŭ la reguloj de siaj societoj.

Aliparte, la demandoj, kiujn mi proponas al la studado aŭ al la decido de la anoj de la Administra Komitato ne povas *ĉiam sen malutilo aŭ danĝero esti sciigataj al la amaso* (sic !) *de la elektantaj anoj* (1), kaj principe *devas esti publikigitaj nur kiam la decido estas prenita* (1) kaj la publikigo aprobita de la Komitato.

Kia demokratia sistemo ! La membroj de la Administra Komitato estas petataj ne konsiliĝi kun la elektintaj anoj de siaj societoj, t. e. kun la veraj interesatoj. Ili devas unue voĉdoni, ne sciante kion opinias iliaj samsocietanoj, kaj, se ili volas aprobigi sian decidon *poste*, t. e. kiam estas tro malfrue por ĝin ŝanĝi. Plie, ĉar tiuj demandoj estas efektive sekretaj aferoj kaj la Esperantistoj devas esti informataj nur kiam ili estas petataj pagi, tiuj paperoj devas esti konfidenciaj, kvazaŭ temus pri diplomatiaj traktatoj aŭ malmoralaj legajoj, ne taŭgaj por infanoj. Antaŭ kvar jaroj oni ankaŭ traktis la lingvajn demandojn konfidencie, kaj konfidencie oni faris promesojn, kiujn oni publike ne povis plenumi...

* *

Ni haltu por spiri ! Ni kondukis niajn legantojn en la labirinton de la cirkuleroj de la C. O. ne pro la plezuro fari kritikojn, kiujn ni en la intereso de l'paco evitis ĝis la lasta momento, sed por montri, ke same kiel en Antverpeno oni arbitre starigis rajtigitajn delegitojn, oni por Krakovo provas krei internacian organizon antaŭ ol la demando pri organizo estis iam klare kaj lojale prezentita al la Esperantistaro. En tiuj kondiĉoj, naivaj estis tiuj, kiuj kredis pri

(1) Ni supre vidis, ke ili devos preskaŭ ĉion pagi, ĉar 25.000 Esperantistoj (en la plej bona supozo !) pagantaj 10 ct. liveros 2.500 fr. dum la C. O. bezonas de 25.000 ĝis 30.000 jare. — (2) Tio ne estas vana hipotezo : oni memoru la aferon de D-ro Javal, la unua monhelpinto de la C. O.

(1) Ni substrekas.

GEOGRAFIO

## Urjanĥa lando

La vico de la alvenantaj okazintajoj ĉe la orienta kaj la suda limoj de Azia Rusujo turnas atenton al ĉio, kio okazas en Ĥinujo kaj precipe en Mongolujo, en tiu duonvasala posedaĵo de Ĥina Imperio, kiu konsistas el 120 apartaj regnetoj aŭ *ĥuŝunoj*, najbaroj de Rusujo ĉe ĝia longega azia limo.

Urjanĥa aŭ Post-Sajana lando aŭ laŭ diroj de rusaj serĉantoj de kolonioj «Verda kojno» prezentas monte-stepan intermontaĵon, ŝlositan norde de Sajana montoĉeno, sude de mongola montoĉeno Tannu-Ola, oriente kaj okcidente de laŭmeridianaj vostoj de la ambaŭ montaroj. La spaco okupata de la intermontaĵo, proksimume egalas al 145,000 kilometroj kaj prezentas ŝlositan pelvon por supraj fluoj de Jenisej. Ĝi estas plenigita per la sistemo de tiu ĉi riverego kaj multnombraj flankriveroj, formintaj la riverajn valojn de Supra Tenisej *(Ulu-Kem)*, Malgranda Jenisej *(Ĥa-Kem)*, Granda Tenisej *(Bej-Kem)*, Kemĉik, Ĥamsar, Taps kaj aliajn, valorantajn por koloniado kiel pro ecoj de grundo tiel same pro klimato kaj abundeco de akvo.

La grando de Urjanĥlando entute estas riĉa : nigra, ŝlimhava, arbputra kaj lignohava ; pura argilo kaj sablo estas renkonteblaj malofte. Moviĝemaj sabloj ne ekzistas. La granda parto de la terspaco ne estas tuŝita de kulturo kaj estas kovrita de virgaj herbejoj kaj arbaroj.

La klimato de Urjanĥlando alproksimiĝas al la klimato de najbara Minusina stepo, sed dank'al granda absoluta alteco de la intermontaĵo ĝi estas pli malvarma ol en la sama latitudo (50°-53°) de Eŭropa Rusujo de Kievo kaj Ĥarkovo ĝis Orelo. Malgraŭ tio ĝi havas distingigajn preferojn kiel antaŭ sudaj mongolaj stepoj, tiel same antaŭ nordaj stepoj de Siberio, ĉar Sajana montoĉeno protektas ĝin de nordaj ventoj kaj la montaro Fannu-Ola de sekigaj sudaj ventoj.

La suna varmo en la lando estas sufiĉa. Tritiko, milio, sekalo, hordeo maturiĝas tute bone kaj ialoke ankaŭ kreskas bonaj melonoj kaj akvomelonoj. Brutoj, kies aroj estas kalkulataj per centoj da miloj, la tutan jaron loĝas en libera stepo. La riveroj haltas en Novembro kaj liberiĝas de glacio en Aprilo. Vintre frosto sur supraj plataĵoj atingas 40° R kaj somere okazas 30°-35° da varmo, sed nokte la aero estas freŝa kaj malvarma.

La montaj riĉaĵoj de Urjanĥlando, ĝis nun malmulte esploritaj, estas tre diversaj kaj enhavas feron, kupron, asbeston, karbon, lagan kaj ŝtonan salon, marmoron kaj oron. La orakirado estas farata de rusoj, de post 1839, en kvin orriĉa, regionoj Laŭ supozoj de la homoj bone konantaj la landojn la tuta pelvo de urjanĥa Jenisej kaj la ĉirkaŭantaj ĝin montĉenoj estas orriĉaj.

La loĝantaro de la lando konsistas el indiĝenoj, kiujn rusoj nomas sojotoj kaj kiujn ĥinoj nomas urjanĥoj (urjanĥo estas insultaĵo), sed ili mem sin nomas *tuba-ulus*. La preciza nombro de tiu ĉi nemongola duonpaŝtista gento, montranta sian patrujon post sajanmontoj en rusaj limoj, estas nekonata, sed proksimume ĝi povas esti difinita per 45-60 miloj da homoj. Krom la indiĝenaj enloĝantoj sojotoj en Urjanĥlando, laŭ informoj de Usina departemento por 1907-1909 jaroj, loĝas ĉirkaŭ 7.000 rusoj kaj tiuj ĉi loĝantoj ĉiujare nombre plimultiĝas.

La ĉefa profesio de sojotoj estas brutpaŝtado, parte ĉasado, kaj nur la lastan tempon komencis disvolviĝi terkulturo sub influo de rusa koloniado. Oni semas precipe milion kaj *gaoljanon*. La rusoj en la lando sin okupas per terkulturo, brutkulturo, komerco kaj industrio. La entuta kvanto de plugataĵo de rusaj kolonianoj ankoraŭ ne estas granda kaj konsistas laŭ raportoj el 3.000 desjatinoj (desjatino = 2,86 akroj), sed tiu ĉi terspaco ĉiujare okulvideble pligrandiĝas. La grundo estas bona kaj donas de 100 ĝis 200 pudoj da greno por unu desjatino. Oni semas precipe tritikon, sekalon, hordeon kaj avenon, ankaŭ kulturas vegetaĵojn. Multaj agrikulturaj entreprenoj jam havas maŝinojn. La greno estas tute uzata en la sama loko de rusoj kaj de sojotoj, kiuj volonte ŝanĝas por ĝi brutojn kaj akiraĵojn de sia ĉasado, sed la ĉefan profiton por rusa loĝantaro donas la brutkulturo. Ĉiujare oni eksportas Siberion ĉirkaŭ 6.000 kornbrutoj kaj la saman kvanton da malgrandaj brutoj. La lastan tem-

---

Komisiono esploranta la demandon, kaj submetis al ĝi projektojn. (1) Oni nur volas, ke ni konstatu ion faritan. En kia ĥaoso tia organizo ekzistos, permesas antaŭvidi la supra analizo. Oni agas kvazaŭ la Esperantistaro konsistus el centmiloj da homoj, kaj amasigas komitaton super komitato, estraron super estraro. Finance, oni penas redoni iom da vivo al institucio, kiu ĉar ĝi estas konceptita tro grande por niaj bezonoj, ne povas vivi per si mem. Sub la falsa preteksto subteni la lingvajn instituciojn, kies ekziston oni facile povas certigi alie, oni penas krei komplikan sistemon de centra organizo, kies la plej klara rezultato estos dividi la Esperantistarojn en du partiojn kaj transformi niajn kongresojn en batalkampojn. Anstataŭ forigi la deficitojn per simpligo de tio, kio ekzistas, oni kreas novajn organismojn, kaj trovas nenion alian, ol peti donacojn.

Daŭrigante sur tiu vojo ni rekte iras al anarkio — ne la anarkio, kiu rezultas el absoluta manko de aŭtoritato, sed al anarkio, kiun kaŭzas la tromulteco de pseŭdo-aŭtoritatoj, de komitatoj kaj subkomitatoj, delegitaroj kaj konsilantaroj — konfuzo, kiu havas nepre kiel sekvon la regadon de anonima klano, reciprokan malkonfidon, eternajn malpacojn. Multigante la komitatojn kaj organizaĵojn, oni samtempe plimultigas la plej vantajn demandojn pri personaj honoroj kaj estradaj konfliktoj, kiuj jam perdigis al ni tiel multe da tempo.

La organizo, kiun oni penas prepari, estas ridinda komplikaĵo, kies plej tuja rezultato estos la starigo de deko da surpaperaj reguloj kaj da burokrataj dokumentaroj, utilaj por nenio, se ne por pligrandigi la deficitojn. La proceduj uzitaj dum tri jaroj kaj ankoraŭ uzataj por trudi tiun hibridan organizaĵon, estas malkorektaj. La supraj ciferoj pruvas, ke la Esperantistaro ne povas vivigi institucion, kies utileco en multaj rilatoj estas plene neata — precipe se oni ĝin komparas kun la sennombraj disputoj, kiujn ĝi okazigis. Seriozajn buĝetojn, kiuj estus diskuteblaj, oni neniam prezentis al ni ; kontraŭe, oni silentas la solajn ciferojn, kiuj montras la veran situacion. La tempo venis por rompi kun tiu sistemo, kiu multe pli malhelpas nian movadon, ol ĉiuj eksteraj atakoj. Ĉar oni volas premi sur nin, realigante la organizaĵon antaŭ la Kongreso, la Esperantistaro havas tre simplan respondon : *nenion pagi* ĝis oni prezentos al ni publikajn kalkulojn, kiuj permesos serioze juĝi la situacion kaj vidi, ĉu la mono, kiun oni petas de ni, ne estas plene senutila. Pro la intereso de l'paco ni ĝis nun preferis silenti, sed pli grava ol amo al paco estas ĉe ni la amo al ordo kaj klareco. Nia movado ankoraŭ pli bezonas ordon, ol ŝajnan pacon, kiu enŝovos nin en marĉon.

H. HODLER.

---

(1) Tiun naivecon ni volas konservi ĝis la lasta momento.

pon el lokaj ĉevalaroj estas prenataj ĉevaloj por regimentoj; precipe la ĉevaloj estas uzataj por veturigista profesio. Aparta loka profesio estas la kulturado de maraloj (1) (pantoj. izjubroj), kies kornoj havas altan prezon en Ĥinujo kaj kies vendado, troviĝanta en la manoj de ĥinaj komercistoj, atingas ĉiujare la sumon 500.000 spesmiloj.

La akiro de oro de 3 ĝis 10 pudoj ĉiujare estas farata ekskluzive de rusoj kaj la tuta kvanto de la registrita akiritaĵo dum la tuta daŭro de akirado prezentas cirkaŭ 800 pudoj. En lokaj riveroj estas multe da fiŝoj, en arbaroj multe da ĉasaĵo kaj tiuj ĉi ambaŭ profesioj (fiŝkaptista kaj ĉasista) grave helpas por rusaj kolonianoj.

La ĥina loĝantaro en la lando estos difinita per kelkaj dekoj da butikistoj-procentistoj kaj agentoj-brokantistoj.

En administra rilato Urjanĥlando konsistas el *6 ĥoŝunoj*, regnetoj, ricevantaj siajn rajtojn kaj fiksataj de ĥina *dcjan-dcjun*, general-guberniestro en Ulasutaj, kien ili liveras ĉiujaran imposton (*alban*) de la tuta lando per feloj de sciuroj, zibeloj, linkoj, lutroj, barsoj, lupoj, musteloj kaj vulpoj. *Alban* konsistas el la sumo de 10 sciurfeloj ĝis 10 zibelfeloj de ĉiu *jurto*, t. e. de 3 ĝis 500 spesmiloj.

Ĥinoj kaj mongoloj ne konsideras urjanĥojn kiel siajn kaj rilatas al ili malestime; siaparte urjanĥoj ne toleras ĥinojn pro rasa malamikemo kaj pro senindulga ekspluatado. La potenco kaj la rajtoj de Ulasutaj'a *dcjan-dcjun* ne disvastiĝas je rusaj loĝantoj de Urjanĥo kaj eĉ rusa Ulasutaj'a konsulo ne interrilatas kun ili. En administra rilato ili konsideras sin subuloj de Usina estro kaj Irkutska general-guberniestro, do kun Urjanĥaj princoj ili troviĝas en pure komercaj interrilatoj.

Tia estas Urjanĥlando, tre malmulte konata.

Trad. (2) A. Zajcev (Del. Peterburgo).

IDEOJ & FAKTOJ

## Historio de l'pano

II

Nun en preskaŭ ĉiuj civilizitaj landoj tiu laboro estas forigita pro la elpenso de la muelilo. Estas rimarkinde, ke la muellaboro estis la unua, kiu unuafoje naskis ĉe la homo la ideon uzi la naturajn fortojn por sin liberegi de sia laboro. Ha! kiel premega ĝi devis esti, por ke venu al li tiu genia ideo. Kaj tiam, kia ĝojega ekkrio ĉe la liberigitoj! Ĝi estis tiel intensa, ke ĝi trapasis la generaciojn kaj alvenis ĝis ni. Sur la muroj de Pompeï, oni vidas maldelikatan desegnaĵon kiu montras azenon turnantan muelŝtonon, kaj sklavon kiu ĝin rigardas dirante: *labora aselle, quomodo laboravi*. Oni ankaŭ retrovis ĉe kelkaj versoj de dekadenca greka poeto, Antiparos, cetere nekonata, ĉarman lokon, kiu prikantas la unuan perakvan muelilon: « Ŝparu la brakojn, kiuj turnas la muelŝtonon, o, muelistinoj, kaj lasu dormi trankvile. La Koko vin vane avertu pri la tagiĝo! Jen, Cereso trudis al la najadoj la laboron de la sklavinoj; jen ili vigle saltetas sur la rado kaj jen la movita akso ruliĝas sur siaj radioj turnante la muelilon. Ni do vivu feliĉaj kaj ĝoju pri la bonaĵoj, kiujn donas al ni la diino! »

Post la transformo de l'greno en farunon, oni devas nun fari panon per tiu faruno. Nova laborego! oni devas knedi kaj baki! Kiom da homoj, kiuj ĉiutage manĝas freŝan panon, ne zorgante pri la penado, kiun ĝi necesigis. La penado por brakmiksi tiun rezisteman kaj fortikan paston estas vere lacegiga.

La knedado ne estas pli agrabla. Estas laboro ne sole malfacila sed ankaŭ malpura, ne nur por la panfaranto, sed ĉefe por la panmanĝanto. Oni devas ĝin fari en varmaj, malsekaj lokoj, proksime de la malfermo de l'bakejo kaj preskaŭ ĉiam nokte. Ĉu vi neniam vidis, pasante nokte sur la strato, lumigitan fenestron? kaj ĉu kliniĝinte, vi ne rimarkis homojn nudajn, krom pantalono, kun la brakoj kaj la busto entombigitaj en marĉo de pasto, kiun ili surverŝas per sia ŝvito, multe pli ol la plugisto surverŝas la teron?

Do, sen trograndigemo oni rajtas diri, ke nenia nutraĵo kostis pli da laboro ol la pano: plugado, muelado kaj knedado. Estas vere, ke ĝuste tiuj laboroj instruis la homon uzi la naturajn fortojn: la bovon por tiri la plugilon, la akvon por turni la muelilon. Eble estas tiu laboro, kiu el la raso de la panmanĝantoj faris la konkereman rason, kiu submetis la mondon, la maltima raso Japeta; ĝi preskaŭ sklavigis siajn flavajn kaj nigrajn fratojn, la rizmanĝantojn kaj la miliomanĝantojn. La regado super la mondo estis la prezo, per kiu estis pagata la panlaboro.

Ch. Gide,

Trad. (1) E. Souchay (Laborkonsulo, Parizo).

SOCIOLOGIO

## Kulturo aŭ Civilizacio? (2)

La tago en kiu el peceto da ligno fulmrapide frotita unuafoje elŝprucis fajreroj, ne estas jam konstatebla; sed ni scias, ke en tiu tago jam de longe pasinta okazis la unua flankiĝo for de la naturo, la unua paŝo al la *kulturo*. Paŝo, kia neniam denove povis esti farata, neniam ree estos farata. Se oni nuntempe, kiam ĉies oreloj estas malfermitaj por la nova sono iranta tra la mondo, iun demandus, en kio estas trovebla la plej alta valoro de la submetado de l'aero, li eble respondus sen longa hezito: Sur la kampo de la Kulturo! Ĉi tiu respondo estas pli oportuna ol detala tiel ke senplue oni ne povas aprobi ĝin. Estas io tute alia, kio havos gravan profiton pro la nova eltrovaĵo: la *civilizacio!* Ĝi, kiu kelkafoje kaj en certaj kondiĉoj estas la plej forta malamiko de la kulturo, pri kiu oni eĉ povas diri, ke dum sia plej energia densiĝo ĝi ĉiam estis malhelpo al la kulturo — ĝi havos la saman profiton pro la nova elpensaĵo.

Kvankam la esprimoj « civilizacio » kaj « kulturo » laŭlingve kuniĝas ĉe la limoj, en kelkaj okazoj eĉ estas anstataŭigeblaj unu per la alia, tamen la diferenco inter ili estas grava. Oni parolas pri kulturo de kampo kaj volas diri, ke oni ĝin faris fruktoporta post la primitiva stato. Oni parolas pri kulturo de lando kaj volas diri, ke ĝi evoluis — se ne sen civilizacio — tamen ĝis super la civilizacio. La antikvaj germanoj ne estis civilizitaj, sed havis kulturon; Ĉikago, la urbo de buĉejoj, apartenas al la civilizacio (3), sed kulturon ĝi ne havas. La fakto de ekspozicio supozigas civilizacion; sed nur la enhavo respondas la demandan pri kulturo.

Civilizacio estas urĝado; kulturo estas meditado pri si mem. Memorante tiun ĉi klarigon oni senplue komprenos, kiujn diversaĵn taskojn plenumos la nova eltrovaĵo (aerveturado), por kiuj malsamaj celoj ĝi estos utiligebla.

---

(1) La terminoj de scienco por tiu ĉi bestspeco ne estas bone fiksitaj. Kelkaj scienculoj starigas diferencon inter *Izjubro* kaj *Maralo;* tamen estas pli disvastigata la opinio, konsideranta ilin sen diferenco *Cervus capreolus*. (Tradukinto,)

(2) El gazeto *Golos Zemli*.

(1) El la gazeto « Le Consommateur », Parizo.

(2) La aŭtoro de tiu ĉi artikolo estas la verkinto de la multe ŝatata libro « *Cavete* » por kiu grafo Zeppelin skribis rekomendan antaŭparolon; *Emil Sandt* estis ankaŭ la sola gasto de la grafo Zeppelin okaze de la unua pli longa veturado al la svisaj lagoj. (La tradukinto).

(3) Verŝajne tro unuflanka rimarko (Red.)

Ĉiuj novaj konoj kiuj — ĉu materie, ĉu ideale — pliriĉigas la tuton, estas kulturo « per si mem » ; sed la gajno el tiuj novaj konoj, en certaj kondiĉoj, utilas sole al la civilizacio. Se Zeppelin ebligus al ni veturadon ĝis la norda poluso tiel ke oni povus fari tie observojn utilajn al la tuta mondo — tio estus grava paŝo sur la vojo de progresanta kulturo. La civilizacion ĝi ne multe akcelus ; — sed se helpe de la flugmaŝinoj evoluus viglaj interrilatoj inter Islando kaj la malgastema bordo de Gronlando tio grave influus la Gronlandan civilizacion, tamen ne naskante rimarkindan pli altiĝon de kulturo dum antaŭvidebla tempospaco.

Ĉiuj niajn famaj serĉantoj kaj trovantoj — indiferente, kiel ili nomiĝas — senescepte havas la konvinkon, ke ili per siaj penoj servas la kulturon. Imagu ekzemple la penigajn vojaĝojn de Sven Hedins tra Tibeto, — jen giganta tasko, plenumebla nur de homo eksterordinara. Memoru, kiom pli facile kaj ankaŭ pli certe estus trapasita la tuta vojo, surŝutita de danĝeroj kaj lacegigoj, se la aerostatoj jam estus tiom perfektaj por ebligi enpenetradon — kompreneble per etapoj, sed en senhalta maniero kaj daŭrigo — en tiujn dezertojn ŝtonplenajn kaj senhomajn, sed pro tio ne malpli mizantropiajn. Ne estas necese imagi la plej komfortan metodon, jam ne parolante pri malakriga sendanĝereco — sen tio la estontaj jarcentoj eble ridetos pri nia timemo kaj mallerteco legante niajn plej kuraĝajn revojn — sed kion ni jam nun povas prezenti al ni : kiom ekstreme ĝi diferencas de la pravaj esperoj de epoko, de kiu nin apartigas nur unu jardeko! Kaj plie : kiom da teritorioj sur nia maljuna tero ankoraŭ estas neatingeblaj, sekve senvaloraj ! Ĉi ĉio estas akirebla ; komence por la civilizacio, kaj poste, kiam la civilizacio dekutimiĝis de rapidemo kaj urĝado, por la kulturo.

Malsaman, ŝajne malan rolon ludos la *flugmaŝinoj*. Ili ebligos forkuron el la civilizacio kaj per tio favoros staton, kiun oni nomas interna kulturo de unuopuloj. Ili venkos proporcie nelongajn distancojn. Kie la centroj « neceseco kaj avideco de akirado » kaŭzas varmegon pliigitan ĝis sufokiĝo, kie la civilizacio havis la sekvon, ke la homoj loĝas en konstruaĵoj ĉielon tuŝantaj unuj super la aliaj — kaj ke unu loĝas *super* la alia jam estas tera mizero — tie ili kreos la eblon, ke la homo dum tre mallonga tempo atingos hejmon, refreŝiĝejon, kie lin ne plu premas la intensiveco de avidaj sentoj.

Pravaj estas niaj esperoj. Se la perspektivoj, kiujn ni malfermas al ni mem, nur iom efektiviĝos — dubinda afero estas la profetado — por la venontaj jarcentoj la submetado de l'aero estos ventolilo kiu servante la civilizacion akcelos grave la kulturon per tio, ke ĝi donante plifaciligitajn vivkondiĉojn forprenos de la amaso de la « servutuloj » sufiĉe grandan parton de la socia premego jam pliigita ĝis nesuferebleco.

Trad. F. Pillath (Del. Essen).

MONDLITERATURO

## La Kroata literaturo

Kiu entreprenas skizi kompletan kulturlaboradon de iu lando kaj de la vivmaniero de iu nacio, kaj volas montri tiun bildon por komuna utilo kaj informo sur publika foiro, tiu devas historie prezenti la civilizan progresadon de tiu ĉi nacio, komence de la pratempa krepusko ĝis la tagiĝo de la nuneco.

En malvasta kadro de malmultaj paĝoj (1) tia intenco memkompreneble estas tute neefektivigebla. Pro tio restas lasta celo de ĉi tiu traktato, altiri la atenton de vastaj rondoj al lando, kies kulturon, kiel spiritan montron de potenca vivo nacia kaj forton de konscienco nacia, oni devas nomi floranta.

Do ĉu estas kredeble? Tiu ĉi lando, kiun superstaras la altaĵaro de la fiera Velebito, — Helikono kaj Parnaso de la kroatoj, — el kies kristalaj fontoj spiritherooj de nia nacio dum kelke da jarcentoj ĉerpis inspiron kaj entuziasmon por ĉiu belaĵo : tiu ĉi lando trans sia ruĝa-blanka-blua limpalisaro estas preskaŭ tute ne konata, eĉ multoble malkonata kaj nemerite insultata.

Nur per izolitaj vojetoj la hazardo iafoje algvidas solecan migrulon, kiu surprizita, apenaŭ trovas forton, laŭvere raporti tion, kion li vidis kaj aŭdis.

Lakto kaj mielo ja ne abundas eĉ en Kroatujo! Sed, se tio estas vera, kion certigas ĉiuj fazoj de la mondhistorio : ke la naturaj kondiĉoj de iu lando fortege influas kaj modifas la morojn kaj la karakteron de la loĝantoj, tiam ankaŭ la terformo estas unu el la plej gravaj kaj neŝanĝeblaj kaŭzoj de la homara kaj kultura evoluado de nia nacio, kaj multaj signoj de la homa kaj ŝtata vivo etendiĝas profunden en la internon de la tero.

La kroatuja fundo pli-malpli dankeme rekompencas por ilia penado siajn kulturistojn. Sur vastaj suprajoj ondiĝas orflavaj spikkampoj ; sur sterkoriĉaj malaltaĵoj prosperadas sufiĉegaj furaĝherbaroj ; sur sunaj deklivoj suprenrampas fruktoplenega vinberbranĉo ; sanfontoj ŝprucigas benatajn radiojn el la profundaĵo ; en belegaj arbaroj rapidas ĉiuspeca ĉasaĵo ; sennombra brutaro vivigas la verdantajn valojn ; en riveroj kaj lagoj svarmas vigla fiŝaro.

Fortaj, ĝenerale sanegaj homoj vidiĝas en siaj trajtoj sudan fajron, en movado kaj gestofrancan viglecon ; eĉ en la malaltaj klasoj, kiuj klopodas per laboro kaj estas premitaj de senhaveco, la tuta tipo prezentas la karakteron de boneco kaj sincereco : tia estas la kroato, trapenetrata de la forta kredo al la naturleĝo de la laboro, kiu ja kiel la homon unuopan tiel tutajn popolojn konservas sanaj kaj bravaj.

Precipe kiel nacio terkulturanta la kroatoj estas nepre rimarkindaj, sed ankaŭ koncerne la industrion ili iradas senhalte kaj progreseme. Vigla kreadkonkuro estas fine videbla en ĉiuj fakoj de la kulturo, precipe en ĉiuj kampoj de la literaturo.

Nu, ne ĉiam estis tiele. Kie komenciĝas la batalado proekzistada, tie ja ĉesas ĉia spirita progreso. Ankaŭ en la vivo de la kroatoj ekzistis tre malĝoja epoko, kiam la forto de nacia kaj patruja sento estingiĝis. Teruraj milit-malfeliĉegoj puŝis preskaŭ al plena pereo. La nacia disvolviĝo haltis tutege. Nur post longa, longa tempo povis leviĝi entuziasmigitaj kaj entuziasmigintaj literaturistoj, por reveki la popolon el ĝia rigidiĝo kaj por ekskui ĝin el ĝia sonĝo, en kiun ĝi estis falinta pro la influo de fremdaj spiritoj.

Tiuj viroj per alte levita torĉo de klereco, per plena forto, per senlima sindono alportis tion, kio estis tiel necesa por plua evoluo de la nacio : novan vivon, potencajn impulsojn, fervoran kreadĝojon sur ĉiuj kampoj de la scienco, arto kaj literaturo.

La *scienco* trovis tre agemajn fervorulojn en 1867, kiam oni konstruis sidejon por spirita laboro, la sudslavan sciencan Akademion, kies ĉiujn membrojn distingigas alta klereco, nobla patriotismo, ideala prizorgo. La *arto* fariĝis estiminda aganto por nia vivo publika, liverante firman pruvon de sama aspiro de nia nacio. Ĉar la nivelo, la pensadmaniero, la sentadmodo de iu ajn nacio montriĝas per tio, kiamezure ĝi ŝatas la kulton al la belaj artoj ; kaj la estonteco de la nacioj dependas de ilia interna kulturlaborado, kies ekfloron plej multe akcelas arto kaj scienco.

Kiel maturiĝadis la kroata *literaturo*, tion montru la sekvantaj linioj.

M. Špicer (Zagreb).

(*Daŭrigota*).

(1) Antaŭparolo el la jus aperinta libro *kroataj Poeziajoj*.

## NOTOJ

∴ *Internacia kongreso de religihistorio.* — En la salonoj de l'universitato de Leiden (Nederlando) okazos de 9-13 septembro proksima suprenomita kongreso. Oni antaŭvidas la sekvantajn sekciojn : 1. Religioj de l'novaĝaj popoloj kaj ĝeneralaj demandoj ; 2. Ĥinoj kaj Japanoj ; 3. Egipto ; 4. Semidoj ; 5. Islamo ; 6. Indio kaj Irano ; 7. Grekoj kaj Romanoj ; 8. Germanoj, Keltoj kaj Slavoj ; 9. Malajoj kaj Polinesianoj ; 10. Kristanismo. Kotizo 25 frankojn, plie, por unu aŭ pli da sinjorinoj, 12,50 frankojn. Kasisto Sro Mr. *W. J. P. Suringar*, 39 Rapenburg, Leiden. La kongreso estas nur scienca, kun elfermo de ĉiuj religiaj demandoj. Komunikoj nepre ne pli longe ol 20 minutojn daŭros. Kongreskomitato decidas kiuj komunikoj estos buŝe farataj kaj petas, ke la parolontoj antaŭe cedu al la oficejo kernan resumon por la presado. Konsiderotaj kiel oficialaj kongreslingvoj la franca, germana, angla kaj itala. Sekretariejo ĉe Prof. Dr. B. *D. Eerdmans*, 71 Plantsoen, Leiden, al kiu oni ankaŭ sin turnu por loĝado k. c. Ĉar Leiden kuŝas nur 15 minutojn da veturado de Hago, la Haga Esperanto-Oficejo Prinsestraat 48, petas ĉiujn vizitontojn-samideanojn kuniĝi por ke ni klopodu fari propagandon por nia lingvo inter la kongresanoj.

J. L. Bruijn.

∴ *Internacia Kongreso de Morala Edukado.* — Samideanoj intencantaj viziti tiun ĉi kongreson, konigu sin sufiĉe frue al la Esperanto-Oficejo Prinsestraat 48, Hago, Nederlando, por povi fari komune propagandon por Esperanto.

J. L. Bruijn.

∴ *Pri la morto de Johano Pascoli.* — Pascoli mortis : jen la mallaŭta sufokita krio kiu la 6-an de aprilo, de la duono de la kvara aŭdiĝis ĉie en Bolonjo, en Emilio kaj en tuta Italujo. Jes ! Johano Pascoli mortis ! Mortis la Viro paca, bona, liberema kaj ĝentila ; mortis la Majstro lerta kaj pacienca sed ne mortis la Poeto ! Li estas nun pli viva ol iam ; la Virgilia Poeto vivos ĉiam, eterne, en nia koro itala kaj latina, inter la malgranda kaj granda familio de l'senmortaj niaj Poetoj. Lia vivo estis precipe malĝoja. Eĉ kiam li estis knabo oni forrabis de li lian patron per mortiga mano, kaj la doloro elsentita de li pro tio akompanis lin ĝin lia tombo. Li estis socialisto kaj internaciisto militanta, kaj malgranda kondamno havita kaŭze de liaj liberemaj opinioj multe malhepis al lia kariero. Tamen pro sia fortanimo, li venkis ĉion kaj li ĝis nun estis profesoro de itala, latina kaj greka beletristikoj ĉe nia Bolonja Universitato. Li estas la plej fama nuntempa Poeto en Italujo.

O. Nanni (Bologna).

∴ *Internacia Konsumo de alkoholo.* — Tre interesa estas statistiko pri la alkoholkonsumo de la diversaj nacioj, antaŭ ne longe publikigita en la « Internacia Korespondado ». La alkoholaj trinkaĵoj (biero, vino kaj brando) estas transkalkulitaj je normala brando de 70 0/0. Da tiu brando konsumis dum la lastaj 5 jaroj — mezkvante po jaro — Francujo : 6 ; Belgujo : 4,9 ; Nederlando : 6,3 ; Italujo : 1,9 ; Danujo : 10,4 ; Svisujo : 3,5 ; Granda Britujo : 3,9 ; Germanujo : 6,7 ; Svedujo : 6 ; Rusujo : 5,2 ; Aŭstrio-Hungarujo, 7 ; Usono : 5,6 ; Norvegujo : 2,6 litrojn po kapo de la loĝantaro.

Laŭ tio malĝusta estas la aserto, ke en Germanujo malpliiĝis la alkoholkonsumo, ĉar en 1905 tie estis konsumataj nur 6,5 ; sed en 1910, 7,2 litroj de la citita normalalkoholo. Kontraŭe la vinkonsumo malpliiĝis de 7,3 ĝis 4,4 litroj, kaj la bierkonsumo de 112,4 ĝis 100, 2 litroj. — La plej granda kvanto da biero estas trinkata en Belgujo, t. e. preskaŭ la duobla kvanto kompare kun Germanujo, en Aŭstrio-Hungarujo la alkoholkonsumo restis tute konstanta de la jaro 1905, t. e., 7 litroj po jaro, kaj per tiu nombro ĝi okupas la duan viclokon inter ĉiuj eŭropaj alkoholkonsumantoj. Nur Danujo ĝin superas per 10,4 litroj mezkvante dum la lastaj 5 jaroj. Sed ankaŭ en Danujo estas konstatebla intersekva malpliiĝo de la brandkonsumo. En Svedujo la konsumo malpliiĝis de 6,2 litroj en 1905 ĝis 5,2 litroj en 1909. Rilate malgrandan alkoholkonsumon Norvegujo estas superata sole de Italujo ; ĝi konsumis en 1905 ankoraŭ 6,2 litrojn po jaro kaj kapo de la loĝantaro, dum ĝi plimalgrandigis tiun kvanton en 1909 ĝis 2,6 litroj. — F. Pillath, del., Essen.

## OKAZONTAĴOJ

*Aprilo*

(22-25). — Tria internacia kongreso de konstruado kaj publikaj laboroj en *Romo*.

(28). — Internacia muzikkonkurso en *Alger*.

*Majo*

(5-8). — Dua internacia kongreso de domposedantoj en *Berlino*.

(7-17). — Naŭa internacia konferenco de la Ruĝa Kruco en *Washington*.

(15-19). — Internacia kongreso de la sendependa mutualeco en *Madrid*.

(25-28). — Internacia kongreso de fajrestingistoj en *Peterburgo*.

(26-27). — Internacia gimnastikkonkurso en *Charleville*.

(26-28). — Dudekkvina internacia kongreso de novfilologoj en *Frankfurt-a-M.*

(26-28). — Internacia konkurso de muziko en *Parizo*.

*Junio*

Internacia kongreso de artistoj en *Parizo*.

Ekspozicio pri aplikita elektro en *Hago*.

(4). — Konferenco por senfadena telegrafado en *Londono*.

(4-11). — Dekoka konferenco de Kristana Unuiĝo de Junaj Viroj en *Helsingfors*.

(11-13). — Polica ekspozicio en *Scheveningen*.

(15). — Dua internacia konferenco por la unuecigo de la kambijuro en *Hago*.

(28-1 julio). — Sesa federacia festo de Sokoloj en *Praha*.

*Julio*

(16-22). — Tridekdua federala kant-festo en *Neuchâtel*,

(22-10 aŭg.). — Sesa internacia kurso de komerca disvastiĝo en *Antverpeno*.

*Aŭgusto*

Internacia matematika kongreso en *Cambridge*.

(6-12). Deksepa internacia kongreso de medicino en *Londono*.

(19-20). — Konkurso de muziko en *La Rochelle*.

(22-27). — Dua internacia kongreso por morala edukado en *Hago*.

*Septembro*

Sesa kongreso de la internacia Asocio por la provoj de konstruaj materialoj en *Washington*.

Dekoka internacia kongreso de la Amerikanistoj en *Hago*.

Internacia kongreso de antropologio en *Ĝenevo*.

Internacia interparlamenta konferenco en *Ĝenevo*.

(1-6). — Internacia kongreso de liberpenso en *München*.

(4). — Sesa internacia Maria'ana kongreso en *Trier*.

(6-13). — Internacia kongreso de aplikita ĥemio en *Washington* kaj *New-York*.

(9-12). — Internacia kongreso por la historio de la religioj en *Leiden* (Nederlando).

(10-12). — Sepa ĝenerala kunveno de la internacia unuiĝo por leĝa laborista protektado en *Zürich*.

(12-15). — Dudektria Eŭkaristia kongreso en *Vieno*.

(22-29). — Internacia kongreso de higieno kaj demografio en *Washington*.

(24-28). — Internacia kongreso de la komercaj ĉambroj en *Boston*.

*Oktobro*

(8). — Internacia diplomatia konferenco pri la internaciaj ekspozicioj en *Berlino*.

(16-21). — Internacia kongreso de la historio de arto en *Romo*.

*Aprilo-Septembro.* — Bavara metia ekspozicio en *München*.

*Majo-Oktobro.* — Angla-Latina ekspozicio en *Londono*.

*Majo-Oktobro.* — Internacia ekspozicio en *Dunkerque*.

*Majo-Oktobro.* — Arta ekspozicio de pentraĵoj kaj skulptaĵoj en *Dresdeno*.

*Junio.* — Ekspozicio pri aplikita elektro en Hago.

C. O. de U. E. A.

# LITERATURA PAĜO

FELIETONO

## La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

La 29-an de julio.

Ne, estas bone ! ĉio estas bona ! — Mi — ŝia edzo ! Ho Dio, kiu min faris, se vi estus preparinta al mi tiun feliĉon, mia tuta vivo devus esti daŭranta preĝo. Mi ne volas disputi, kaj pardonu al mi miajn larmojn, pardonu al mi miajn vanajn dezirojn ! — Ŝi mia edzino ! Se mi estus ĉirkaŭpreninta en miaj brakoj la plej amindan kreajon sub la suno. — Tremado kuras tra la tuta korpo, Vilhelmo, kiam Alberto ĉirkaŭprenas ŝian gracian korpon.

Kaj ĉu mi povas ĝin diri ? Kial ne, Vilhelmo ? Ŝi estus pli feliĉa kun mi ol kun li. Ho li ne estas la viro plenumi la dezirojn de tiu ĉi koro. Ja manko de sentemo, manko — pensu kion vi deziras ; ke lia koro ne batas simpatie ĉe — ho ĉe loko de kara libro, kie la koroj mia kaj de Ĥanjo renkontas unu la alian ; ĉe cent okazoj, kiam niaj sentoj pri ago de alia montriĝas. Kara Vilhelmo ! — Certe li amas ŝin tutkore kaj tia amo, kion ĝi ne meritas !

Malagrabla homo interrompis min. Miaj larmoj sekiĝis. Mi estas distrita. Adiaŭ karulo !

La 4-an de aŭgusto.

Mi ne sola fartas tiel. Ĉiuj homoj estas trompataj en siaj esperoj, fraŭdataj en siaj deziroj. Mi vizitis mian bonan virinon sub la tilio. La plej aĝa knabo renkonte kuris al mi, lia ĝoja kriado alkondukis la patrinon, kiu mienis tro malgaje. Ŝia unua parolo estis : Bona sinjoro, ha, mia Johaĉjo mortis. Li estis la plej juna el ŝiaj knaboj. Mi silentis. Kaj mia edzo, ŝi diris, revenis el Svisujo kaj kunportis nenion, kaj sen bonaj homoj li estus devinta almozpeti ; li havis survoje la febron. — Mi povis diri nenion kaj donacis ion al la malgrandulo ; ŝi petis, ke mi akceptu kelkajn pomojn, kion mi faris, kaj mi forlasis la lokon de la malĝojiga rememoro.

La 21-an de aŭgusto.

Dum mi turnas la manon, mia humoro ŝanĝiĝas. Kelkfoje ĝojiga aspekto de la vivo ree ekkrepuskis, ha, sole por momento ! — Kiam mi tiel perdiĝas en revoj, mi ne povas rifuzi la penson : kiel, se Alberto mortus ? Vi estus ! jes, ŝi estus — kaj tiam mi postkuras ĥimeron, ĝis ĝi kondukas min al abismoj, je kiuj mi ektimiĝas.

Kiam mi eliras tra la pordego, la vojon, kiun mi veturis unuafoje por venigi Ĥanjon al la dancado, kiom tutalia ĝi estis ! Ĉio, ĉio estas preterpasinta ! Neniu signo de la antaŭa mondo, neniu pulsobato de mia tiama sentado. Mi fartas, kiel devus farti spirito, kiu revenas al la forbrulinta, ruinigata kastelo, kiun li iam konstruis kiel floranta princo kaj mortante postlasis ekipita per ĉiuj donoj de beleco esperplene al sia amata filo.

La 3-an de septembro,

Ofte mi ne komprenas, kiel alia povas ami ŝin, rajtas ami ŝin, ĉar mi amas ŝin tiel sole, tiel kore, tiel plene, havas nenion alian, nek konas nek scias escepte ŝin !

La 4-an de septembro.

Jes, ĝi estas tia ! Kiel la naturo sin klinas al la aŭtuno tiel en mi fariĝas aŭtuno kaj ĉirkaŭ mi. Miaj folioj ekflaviĝas, kaj jam defalis la folioj de la najbaraj arboj. Ĉu mi ne foje skribis al vi pri juna kampulo, tuj kiam mi venis ĉi tien? Nun mi ree informis min pri li en *Wahlheim (1)*; estis dirate, ke li estas forpelita de la servo kaj neniu ŝajne sciis ion plî pri li. Hodiaŭ mi renkontis lin hazarde sur la vojo al alia vilaĝo ; mi ekparolis al li kaj li rakontis al mi sian historion, kiu tuŝis min duoble kaj trioble, kiel vi facile komprenos, kiam mi rakontos ĝin al vi. Sed kial ĉio ĉi ? Kial mi ne retenas al mi, kio timigas kaj ĉagrenas min? Kial mi afliktas ankaŭ vin? Kial mi ĉiam donas al vi okazon kompati kaj mallaŭdi min? Estu, ankaŭ tio povas aparteni al mia sorto !

Kun silenta malgajeco, en kiu mi kredis rimarki malmulte timeman econ, la homo unue respondis miajn demandojn, sed baldaŭ pli malkaŝe, kvazaŭ per unu fojo li reekkonus sin kaj min, konfesis siajn kulpojn, plendis al mi sian malfeliĉon. Mi povu al vi, mia amiko, antaŭtribunaligi ĉiun de liaj paroloj ! Li konfesis, ja, li rakontis kun ia maniero el ĝuo kaj feliĉo de la rememoro, ke la pasio al lia mastrino ĉiutage pligrandiĝis en li, ke li fine ne sciis, kion li faris, ne, kiel li ĝin esprimis, kien li devus veni kun sia kapo. Li povis nek manĝi nek trinki nek dormi, malfunkciis lia gorĝo ; li faris, kion li ne devis fari ; kion oni komisiis al li, li forgesis ; li estis kvazaŭ persekutata de demono, ĝis kiam iutage, sciante ŝin en la supra ĉambreto, li postiris ŝin aŭ pli bone posttreniĝis. Ĉar ŝi ne aŭskultis liajn petojn, li volis perforti ŝin ; li ne sciis, kiel fariĝis al li kaj prenis Dion kiel atestanton, ke liaj intencoj pri ŝi ĉiam esti sinceraj kaj ke li nenion deziris pli sopire ol ke ŝi edziniĝu kun li, ke ŝi pasigu kun li sian vivon. Parolinte tempon, li komencis halti kiel iu, kiu havas ankoraŭ ion por diri, kaj ne kuraĝos eldiri ĝin ; fine li konfesis al mi kun hontemo, kiajn malgravajn intimaĵojn ŝi permesis al li kaj kian proksimecon ŝi havigis al li. Li interrompis du- trifoje kaj ripetis la plej vivajn protestojn, ke li ne diris tion por kaluminii ŝin, kiel li esprimis ĝin, ke li amas kaj estimas ŝin kiel antaŭe, ke tia ajo ne venis el lia buŝo, kaj ke li diras ĝin al mi sole por konvinki min, ke li ne estas tute absurda, sensenca homo — kaj jen, plej kara, mi rekomencas la malnovan kanton, kiun mi ekkantos ĉiam : mi povu prezenti al vi la homon, kiel li staris antaŭ mi ! Mi povu diri ĉion ĝuste, por ke vi sentu, kiom mi kompatas lian sorton, devas kompati ! Tamen, sufiĉe ! Konante ankaû mian sorton, ankaŭ min, vi nur tro bone scias, kio altiras min al ĉiuj malfeliĉuloj, kio precipe al tiu ĉi malfeliĉulo.

Releginte la folion, mi vidas, ke mi forgesis rakonti la finon de la historio, kiu tamen estas facile elpensebla. Ŝi defendis sin kontraŭ li, ŝia frato alvenis, kiu malamis lin jam longtempe, timante, ke per la edziniĝo de lia fratino liaj infanoj malhavos la heredaĵon, kiu nun donas al ili belajn esperojn, ĉar ŝi estas seninfana ; tiu tuj elpuŝis lin el la domo kaj faris tian bruon pri la afero, ke la virino, eĉ se ŝi volus, ne povus reakcepti lin. Nun ŝi ree dungis alian serviston, ankaŭ pro li, oni diras, ke ŝi vivas en malpaco kun la frato kaj oni certe asertas, ke ŝi edziniĝos kun li, sed li firme decidis ne postvivi tion.

Kion mi rakontis al vi, ne estas trograndigita, ne dorlotita, ja mi bone povas diri, ke malbone, malbone mi rakontis ĝin kaj faris ĝin pli maldelikata recitante ĝin per niaj kutimaj moralaj vortoj.

Tiu ĉi amo, tiu ĉi fideleco, tiu ĉi pasio do ne estas poeta elpensaĵo. Ĝi vivas, ĝi estas en sia plej granda pureco inter tiu klaso da homoj, kiun ni nomas malklera, kruda. Ni instruitoj — al nenio fiinstruitoj ! Legu la renkonton kun meditado, mi petas vin. Hodiaŭ mi estas trankvila, skribante tion ; vi vidas je mia skribaĵo, ke mi ne skribaĉas kaj fiskribas tiom, kiom alitempe. Legu, karulo, kaj pensu, ke ĝi estas ankaŭ la historio de via amiko. Jes, tiel ĝi okazis al mi, kaj mi ne estas duone tiom brava, tiom decida, kiom la mizera malfeliĉulo, kun kiu mi apenaŭ kuraĝas kompari min.

(1) Elparolu :walhejm

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — En *Aschaffenburg* (German.) Esperanto-Klubo; kunvenas ĉiumarde en gastejo « Zum Falken », am Banhof. — N. F.

En *Gorizio* (Ital.) post longa kaj vigla propagando laborema komitato sukcesis fondi « Friula Unio Esperantista »'n; estraro: Nia Del. S-ro G.-Ipaviz, Prez.; S-ro Cunte Egone, V-Prez.; S-ro G. Gemuzzi, sekr.; S-ro Carrara Rod., kasisto. — I.

**Novaj Kursoj.** — La tute nova societo « Esperanto »' Zittau, aranĝis la 5. de marto du novajn kursojn kun 20 partoprenantoj. — O. K.

En *Ĉeske Budejovice* (Bohm.), en marto komenciĝis du kursoj; en elementa instruas ĉefleŭtenanto Hollegcha; en supera, la klubestro, S-ro fakinstruisto Svaĉina. — S.

En *Borcvany* (Bohem.), direktas kursojn ĉefserĝentoj fratoj Podhrazsky. — S.

En *Tacoma* (Usono), kun dekdu lernantoj; gvidas S-ro Lehman Wendell. — J. W. W.

En *Valencia* (Hispan.), kvardek lernantoj, antaŭ nelonge plej skeptikaj, konvinkitaj de S-ro medicina studento Daniel Llerens, kursgvidanto. — L. P.

*Budapest* (Hungar.), ĉe la Societo de Parlamentaj Stenografistoj; en la grupejo; ĉe la societo de poŝtoficistoj; en la popolhotelo. H. I.

*Debreczen* (Hungar.), gvidata de prof. Tœrœk; la 20. de marto finiĝis du kun okdek partoprenintoj. — H. I.

En *Zemun* (Hungar.), tri kursoj komenciĝis la 9. marto. — H. I.

En *Gorizio* (Ital.), organizita de la Friula Unio Esperantista. — I.

En *Milano* (Ital.), en aprilo: ĉe la popola universitato (S-ro Prof. Colonnese); alia, de la sama S-ro, por pli klera publiko; ĉe la Liceo Manzoni, unua kurso. — C.

En *New-York* (Usono), S-ro J.-B. Morton, ĉe la liberpensa kunvenejo « Francesco Ferrer Circle ». — J. M.

**Kunvenoj kaj festoj.** — En *Vienne* (Franc.), 23. marto, la societo « Sunradio » donis feston en la salonoj de l'hôtel de la Poste. Duhora koncerto interesis la ĉeestantojn; balo ĝis la 3-a matene. Dimanĉon okazis granda manĝado, kun nur esperanta interdiskutado. Samideano kantis Hungare, alia Ruse; fine oni ĥore kantis nian himnon. — J. B.

*Madrid* (Hispan.), 24. marto, vojaĝo de Propaganda Fako de Centra Esp. Madrida grupo al montaro Navacerrada por festi sian aperon. Multaj partoprenantoj, kiuj uzis glitilojn kaj glitveturilojn ornamitajn per esperantaj flagetoj. Komitato: S-ro L. Hermida, vojaĝestra; S-ro Alvaro de Orriols, arta estro; S-ro Jozefo Ventura. kasisto, — O.

*Bologna* (Ital.). — La 2. aprilo oni inaŭguris la unuan vesperkunvenon por interparolado ĉe la sidejo de l'Emilia Esperanto-Asocio. Paroladis S-ro P-ro Giovetti kaj S-ro O. Nanni; tiaj kunvenoj regule okazos marde kaj vendrede; ekskursoj estos dumonate organizataj. — N.

*Kolozsvar* (Hungarujo). — Okaze de la plej granda hungara nacia festo la 15-an de marto inter oficialaj reprezentantoj de la diversaj, aŭtoritate plej konsiderindaj societoj aperis ankaŭ nia tiea delegito: S-ro Emeriko de Rakoczy. Li ĉeestis je la nomo de U. E. A. tiutagan publikan festenon kaj vespere en la oficiala solena festeno de « Societo Kossuth », li transdonis tiujn varmajn salutojn, kiujn sendis al li por la festanta hungararo, el eksterlando multaj diversnaciaj Esp. societoj eĉ izolitaj esperantistoj. Poste en sia oficiala tosto jene li parolis:

... Nun do, kiam ni festas 64-an datrevenon de nacia proklamo de « egaleco, *frateco*, libereco » — je la nomo de multaj diversnaciaj Esperantistaj personoj kaj societoj, kiuj sur neŭtrala fundamento de la komuna, lingva interkompreniĝo, ankaŭ por la *frateco*, sankta frateco de la nacioj batalas, — prezentante al vi la esprimon simpation de kelkmiloj da miaj samideanoj loĝantaj tutmonde, — mi malplenigas mian pokalon laŭ ilia deziro por feliĉeco de la hungara nacio kaj glora efektiviĝo de ĝiaj esperoj!

Granda aplaŭdado, vivu-oj, varma kaj sincera ovacio estis la respondo post entuziasmoplenaj vortoj de la delegito de U. E. A., sed ĝi apartenis certe ne nur al la oratoro, sed ĉefe kaj precipe al la tutmonda Esperantistaro. Vere rimarkinde estas, ke jam eĉ en naciaj festenoj oni ĝentile lokon donas inter la reprezentantaro kaj parolrajtojn garantias por niaj Esperantistaj delegitoj. — J. V.

En *Tacoma* (Usono) okazis 22 marto tre sukcesplena publika kunveno de Esperantistoj, sub aŭspicioj de la Tacoma Esperanto klubo. Bonajn paroladojn (angle) faris Delegito Farnsworth Wright el Seattle, kaj D-ro G. Lewis (kuzo de nia majstro) el la sama urbo, pri Esperantismo. S-ro J.-H. van Twisk, el Rotterdam, Nederlando, elokvente parolis Esperante pri U. E. A., kaj Delegito J.-W. Wood, el Tacoma, tradukis anglen la paroladon por ĉeestantaro — J.-W. W.

**Paroladoj.** — En *Bamberg* (German.), 18. de marto, S-ro O. Reber, ĉe la supera Poŝtdirekcio; favore raportis 5 gazetoj. — R.

*Milano* (Italujo), P-ro V. Colonnese, ĉe la Popola Universitato kaj ĉe la Liceo Manzoni.

En *Ĉ. Budejovice* (Bohem.), la grupo aĉetis de S-ro Parrish la skicplikon (??) kaj ripetas lian paroladon en diversaj apudaj urbetoj. — S.

**Paroladvojaĝo Parrish.** — En *Gœteborg*, 18. marto, 300 personoj; en *Boras* (Sved.), 19. marto, 600 aŭskultantoj; en *Stockholm*, 23. marto, 200 ĉeestantoj; en *Kristiania*, 28 marto, angle, 500 rigardantoj; en *Bœga* (Finlando), 29. marto, 150 aŭdantoj; en *Peterburgo*, 30 31 marto, 200 homoj.

---

## KRAKOVAJ KONGRESOJ

### Kvara cirkulero de la Loka Komitato

*Loka publiko.* — La krakova loĝantaro tre forte interesiĝas pri la kongreso kaj preparas sin por inde akcepti la fremdajn gastojn. Tion pruvas interalie 17 kursoj, kiuj nun okazas en la kongresurbo. Inter ili speciale citinda estas kurso, organizita de la Krakova Komerca Ĉambro por ĝia tuta oficistaro kaj kurso por policanoj, en kiu partoprenas regule 15 personoj.

*Ĵurnaloj.* — La loka ĵurnalistaro tre favore rilatas al la Kongreso, aperigante regule du fojojn ĉiusemajne notojn kaj komunikaĵojn pri la Oka. Krom tio ĉiuj redakcioj delegis po unu el siaj membroj, kiuj lernas nian lingvon por ĉeesti la kongresajn kunsidojn kaj redaktadi raportojn.

*Honora Kongreskarto.* — Por la karto N-ro 1. kiu (vidu la duan cirkuleron) estos aŭkcie vendota, oni proponas jam 12 Sm. Tiun lastan proponon faris unu konata angla samideano. Kiu proponas pli multe?

*Ekspozicio.* — Ni ree faras varman alvokon al ĉiuj eldonistoj, aŭtoroj, grupoj kaj izolaj esperantistoj, ke ili helpu la ekspozician sekcion per alsendo de libroj, broŝuroj, muzikaĵoj, cirkuleroj, afiŝoj kaj ĉiuspecaj aliaj dokumentoj. — Ĉiuj objektoj estos zorge konservataj kaj tuj resendataj post la 30. de aŭgusto. — Adreso de la ekspozicia sekcio estas: S-ro Benedikto Herold, Lwow, Potockiego 22, Aŭstrio, Galicio.

*Protestanta diservo.* — Diservo por protestantoj okazos en la protestanta preĝejo. — La predikon en Esperanto faros pastro Karol Michejda, estro de la Krakova protestanta komunumo.

*Jubilea Festvespero.* — La vesperon organizas S-roj Drozdowski,

Barabasz, Kalinowski kaj Walewski, profesoroj de Krakova Muzika Konservatorio. — Ĉi tiu fakto certigas al la vespero altan, vere artistan nivelon.

*Ekspozicio de pola arto.* — La ĉi tiea « Societo por belaj artoj » instigita de la organiza Komitato, preparas por la kongresa semajno, en sia palaco, specialan ekspozicion de pola pentr kaj skulptarto. — La surskriboj kaj katalogoj estos redaktitaj en Esperanto.

*Albumo de Kongresanoj,* — La escepte solena karaktero de la Oka Kongreso postulas, ke ĝi havigu al la partoprenintoj daŭran memorajon. Pro tio la Komitato decidis donaci al ĉiu kongresano artan, bronzan medalon.

Nun montriĝis necesa nova aranĝo, kies mankon oni kun bedaŭro sentis ĉe la ĝisnunaj kongresoj. — Ni celas albumon de la kongresanoj. — S-ro Gargul, profesia fotografisto kaj samtempe fervora esperantisto prenis sur sin la taskon realigi projekton de la Komitato, koncerne la eldonon de kongresa albumo. La albumo estos eldonita nur tiam, se almenaŭ 500 kongresanoj ĝin mendos, sed ĝi enhavos portretojn de ĉiuj kongresanoj senescepte. La bildoj, kiuj estos faritaj laŭ fotoĥemia procedo, sekve laŭ procedo sole garantianta tre precizajn reproduktaĵojn, estos aranĝitaj tiamaniere, ke ĉiumomente oni povos trovi en la albumo portreton de kongresano, kiun oni konas laŭ lia nomo, aŭ inverse, nomon kaj adreson de kongresano, kiun oni konas laŭ lia aspekto.

Estos nepre necese donaci al nia Majstro albumon de samideanoj, venintaj al la Kongreso el ĉiuj mondpartoj, por honori Lin kaj Lian grandan verkon. Tion ĉiu kongresano devas kompreni kaj atenti.

Pro tio ni turnas nin al ĉiuj aliĝintoj kaj aliĝontoj, ke ili sendu al ni sian fotografaĵon nepre en vizit-formato, bone faritan.

Tiuj kongresanoj, kiuj intencas aĉeti la albumon-kaj ni firme esperas, ke neniu domaĝos por tiu ĉi celo kelkajn spesmilojn-sendante sian portreton, mendu samtempe la albumon, aldonante antaŭpagon de Sm. 2.

Se 500 personoj mendos la albumon, ĝia prezo estos Sm. 5. Ju pli multaj kongresanoj mendos la albumon, des pli malalta estos ĝia prezo.

Ni firme fidas la solidarecon de la kongresanoj kaj petas : Aliĝintoj kaj aliĝantoj sendu senprokraste Vian fotografaĵon kaj mendu la albumon.

LOKA ORGANIZA KOMITATO.

## OKAZONTAJ KUNVENOJ

### Esperantista Kalendaro

*Majo*

(4). — Deksepa kvaronjara konferenco de la « Federacio Esperantista de Lancashire kaj Cheshire » en *Stockport*.

(26-27). — Belga nacia kongreso Esperantista en *Gand*.

(26-27). — Kvina kongreso de la « Federacio Esperantista de Burgonjo kaj Ĵuro » en *Tournus*.

(26-28). — Kvina kongreso de Brita Esperanto-Asocio en *Portrush*.

(26-28). — Kvara kongreso de Danaj Esperantistoj en *Vejle*.

*Junio*

(16). — Kongreso de la Esp. Normanda Federacio en *Louviers*.

*Julio*

(9-12). — Kongreso de la « Esperanto Asocio de Usono » en *Boston*.

*Aŭgusto*

Tria internacia katolika kongreso en *Budapeŝto*.

(11-18). — Oka kongreso de Esperanto en *Krakovo*.

(11-18). — Tria kongreso de U. E. A. en *Krakovo*.

Unua hungarlanda kongreso Esperantista en *Budapeŝto*.

*Oktobro*

Dua Aŭstralia Esperantista kongreso en Melbourne.

C. O. de U. E. A.

## DIVERSAĴOJ

.˙. *Ni laboru kaj esperu !* Laŭ ordono de la Minska Gubernestro estas oficiale fermita la *Reĉiĉa* filio de Ruslanda Ligo Esperantista. La tieaj samideanoj ne malpliferv0riĝis pro tiu okazajo. — N. M·

.˙. *Propagando.* — En Milano, la Del. de U. E. A., S-ro Prof.-V. Colonnese presigis en itala lingvo trafan cirkuleron pri U. E. A. kaj nia lingvo.

.˙. El *Bohemujo.* — La bohema nacio sin preparas nunjare por grandega festo : la 28.-30. de — junio estos aranĝata la VI. Sokola kongreso. Tiu ĉi festo, kiu ripetiĝas ĉiun kvinan jaron, estos tiun ĉi fojon speciale grandioza, ĉar la Sokola Unio festos samtempe la 30 jaran jubileon de sia ekzisto kaj koncentrigos en pli granda nombro ol iam ajn antaŭe la slavan gimnastaron. El speciale konstruita amfiteatro, kie trovos lokon 100.000 rigardantoj, ekzercos 12.000 viraj kaj 5.000 virinaj gimnastoj bohemaj. Ne estas mirinde, ke jam nun anoncis sian alvenon dekmiloj da gastoj el la fremdlando kaj eĉ el Ameriko, de kie mem alvenos mil gimnastoj bohemaj. La Centra Asocio Bohema Unio Esperantista ne forgesis uzi tiun ĉi okazon por proponi siajn servojn al la propaganda sekcio de la prepara kongresa komitato, kiu, favore akceptinte tiun ĉi proponon, decidis eldoni flugfolion pri la manifestacio, redaktitan en Esperanto, kiu estas dissendita al ĉiuj legantoj de *Esperanto* (1). Samtempe kun la sokola flugfolio eldonis BUE Gvidfolion tra Praha, kiu per sia aranĝo sur 4 paĝoj sendube estos modelo por pluaj similaj publikaĵoj ; ĝi estos bona aldono al la detala gvidlibro tra Praha, kiu aperis antaŭ tri jaroj kaj kiu estis premiita de U. E. A. per la unua premio. La urbestraro de Praha kaj de la antaŭurbo Karlin subtenas la movadon esperantan iafoje per donaco de sumoj po 50 K, senditaj al la kancelario de B. U. E. Regule aperadas rubrikoj esperantaj en la gazetoj « Narodni Obzor ». « Osveta Lidu » kaj « Rodina ». Adresojn de fremdlandaj korespondantoj senpage publikigas en sia revuo « Časopis Českych Esperantistů » la redakcio /adr. Praha II. Dittrichova ul. 7./- Je komenco de tiu ĉi jaro aperis nova eldono de bohemaj ŝlosiloj, da kiuj estas jam disvenditaj preskaŭ okdek miloj. En presado estas nova /III / eldono de la Metoda lernolibro de Kühnl kaj vortareto bohemo-esperanta.

B. U. E. — Ĉ. Ĉ. E.

*Gvidlibro.* — La « Trafika Sindikato » (« Verkers-Verein ») *Essen* jus eldonis novan, belege ilustritan gvidlibron kun tre interesa Esperanto -resumo verkita de S-ro F. Pillath, Del. de U. E. A.

Por havigi al si la libron oni skribu *Esperante* al « Verkehrs-Vereins », Essen/Ruhr, Germ., aldonante en Germanujo 30 Pfg (poŝtmarkojn), eksterlande 2 respondkuponojn stampitajn.

.˙. *La novaj fervojoj tra Aŭstriaj Alpoj.* — Sub tiu titolo la Aŭstria ministerio de la ŝtatfervojoj eldonis belegan Esperante redaktitan gvidlibron. Tiu lukse presita eldonajo, ornamita per ĉarmaj ilustrajoj, estos nepre utila al ĉiuj samideanoj veturontajtra Aŭstrio okaze de la Oka. Oni rememoras, ke antaŭ nelonge la sama ministerio eldonis alian belan Esperantan gvidlibron, *Pejzaĝoj en Aŭstrio.* Tiuj du eldonajoj estas inter la plej bonaj gvidlibroj, kiujn ni posedas. Oni povas senpage ricevi la supre cititan verkon, sin turnante al : K.K. Eisenbahn-Ministerium, Wien I., Dep. 14-a.

.˙. *Literatura Konkurso.* — « Germana Esperanto-Gazeto » organizas konkurson kun premioj de entute 100 Sm. por la plej bonaj verkoj, kiuj en ĝenerale komprenebla kaj alloga

(1) Tiu ĉi flugfolio, kiun ni rekomendas al la atento de niaj legantoj, estas aldonata al tiu ĉi N-o.

formo traktadas temojn pri la nuna stato de teknikoj kaj popolsciencoj. Lasta tempolimo por la ricevo de la laboroj : 1 julio 1912. Por pliaj informoj sin turni al la eldonejo de G. E. G.

∴ *Ekzemplo de uzo de U. E. A.* — El letero de S-ro W. Neurath, Del. en Wernigerode, ni ekstraktas la jenan ekzemplon pri servo ricevita nur dank'al U. E. A.

Inter la « diversaj servoj » speciale citinda estas pli ofta korespondado kun Del-ino en Savannah (Usono) pri tiea Esperantiano, kies praavoj estis Germanoj. Tiu sinjoro dum jaroj vane klopodis ricevi detalojn pri iama dediĉo de unu el la plej fruaj biblioeldonoj de D-ro Martin Luther al sia bofrato (Demler), kiu estis rekta prapatro de tiu Esperantiano en Savannah. Scipovante nur la anglan lingvon, li ne povis sukcesi ricevi la deziratajn informojn, li tial provis pli bone atingi la celon per Esperanto pere de la Del-ino de sia loko.

Post ricevo de la informo mi tuj vizitis la arĥiviston de nia ĉi tiea princa biblioteko, kiu tre afable montris al mi la libron kun originala, propramane skribita de Luther dediĉo, kaj krom tio donis al mi broŝureton germane de li verkitan pri tiu afero antaŭ kelka tempo. Mi do tuj estis kapabla tre detale pritrakti kaj klarigi la aferon per 4-paĝa kvartformata letero, certe per tio praktike pruvante la grandan gravecon de Esperanto kaj de U. E. A.

∴ *Universala manĝokarto.* — Oni petas nin korekti jene la prezojn de tiu manĝokarto anoncita en Nº 119, paĝ. 73 : ekz. 10 sd., ekz. 50 sd., 100 ekz, 1 Sm.

## TRA LA GAZETARO

∴ *Danubo* (februaro 1912). *Tendencoj de la nuna Esperanta gazetaro* (D-ro Fiser).

« ...Jen do la tasko de nuntempa esperanta gazetaro ! Ĝi devas servi al praktikaj bezonoj de la Esperantistaro, ĉu literaturaj kaj sciencaj, ĉu turismaj, ĉu komercaj kaj profesiaj.

Estas tamen tute kompreneble, ke sole gazetoj ne povas efektivigi ĉion necesan en tiu rilato : ili devas esti presorganoj de koncernaj organizaĵoj.

Ne parolante pri diversaj fakaj, specialaj societoj, unuigantaj samprofesiulojn, ni notu la plej gravan organizaĵon por praktikaj aplikoj, la Universalan Esperanto-Asocion (U. E. A.) kun ĝia oficiala organo Esperanto ; ĉu la servoj faritaj de ĉi tiu Asocio ne estas la plej efika propagandilaro ? Ĉu ĝi ne pruvas plej evidente la vivopovon kaj uzeblecon de nia lingvo ? Ĉu sen ĝi nia movado ne estus restinta « sur morta punkto » ?

La reala vivo montras, ke estas jam alveninta la tempo, kiam la pure lingvistika flanko de Esperanto ne povas plu kontentigi la esperantistojn — ili volas ne nur paroli la lingvon internacian sed ili volas ankaŭ ĝin utiligi por la realaj bezonoj de internacia kunvivado... »

∴ *Revuo* (aprilo 1912) *Per Babilado* (C. Bourlet).

« ... Dank al nia bona akuzativo, dank al la kunakordiĝo de l'substantivo kaj adjektivo pri nombro kaj kazo, dank al aliaj lertaĵoj, Esperanto estas multe pli fleksebla ol iu ajn alia lingvo, kaj multe pli ebligas, ke ĉiu aŭtoro ne tro deflankiĝu de siaj naciaj kutimoj. Tamen por la faciligo de la interkomprenebleco, precipe por la rapida konversacio, estas nepre necese, ke la Esperantistoj penadu uzi samajn parolturnojn kaj similajn esprimmanierojn.

Kial samnacianoj tiel facile sin interkomprenas malgraŭ rapidega prononcado, malgraŭ ke kelkaj formanĝas la duonojn de la diritaj vortoj ? Tial, ke en ordinara konversacio oni uzas nur tipajn frazojn ofte ripetitajn vortojn, kaj ke sekve sufiĉas, ke oni aŭdu nur parton de la paroloj por kompreni, aŭ pli diveni, la tuton. Kial same ni tiel facile tralegas ĉiutagan gazeton ? Tial, ke ĝiaj redaktoroj uzas banalan stilon. Sed iru aŭskulti la kurson de profesoro de filozofio, kiu parolas pri ideoj de vi ne konataj, iru aŭskulti aktoron, kiu deklamas versojn. Se la profesoro aŭ la aktoro ne malrapide parolas, zorge elartikiginte ĉiujn vortojn, vi nenion komprenos, kvankam tio estas dirita en via patra lingvo.

Estas same, kaj eĉ pli grave, koncerne lingvon internacian.

Se ni volas, ke ĝia legado estu senpena kaj ne estu necese je ĉiu momento kvazaŭ fari gramatikan analizon por deĉifri la tekston urĝas, ke ni alprenu komunan stilon... ».

∴ *La langue auxiliaire* (Marto 1912). De *Th. Cart* (originalo franclingve) :

« ...Oni nin aŭskultos, oni nin sekvos, oni restos *fidela* al Esperanto nur se, zorge evitante ĉian troan aserton, morgaŭ nuligotan, ni per aŭtentikaj kaj nediskuteblaj faktoj, simple prezentataj, pruvas, ke nia lingvo estas atentinda, ke vere ĝi ekzistas, povas servi, kaj servas al ĝiaj uzantoj. Per ĉiuj niaj fortoj kaj per nia tuta fervoro ni devas doni tiun konvinkon al la publiko. La granda merito de U. E. A., kuŝas en tio, ke ĝi tion komprenis kaj sciis krei — kvankam en la komenco ĝi havis nur sian fidon kiel tutan riĉaĵon — retaron de konsuloj kaj praktikaj organoj, ĉie disvastigatan kaj disvastiĝantan. Pli ol ĉia alia esperantista institucio, ĝi rajtas ĉies dankadon, ĉar neniu tiel multe faris por konservi la lingvon per ĝia uzado, kaj certigi ĝian estontecon... ».

∴ *La Ondo de Esperanto* aranĝis internacian enketon pri la Hispanaj bovbataloj. El la multaj respondintoj nur unu absolute defendis la bovbatalon mem. La 1-a, laŭreato de la konkurso pri originala literaturo estas S-ro Poltavskij, el Saratov ; la 2-a., S-ro Herschel S. Hall, el Cleveland ; la tria D-ro Iv. Ŝirjaev, el Timŝhovo.

∴ *La Esperantisto* estas la nova monata organo de la Germana Esperanto-Asocio. Redaktejo : Leipzigerstr., 110, Dresden N. Abono : 1.20 Sm., plus afrankajo

∴ La Danciga Esp. grupo publikigos de nun specialan informilon Esperante kaj germane.

∴ *Germana Esperantisto* (Aprilo) *La demando pri internacia organizo* (F. Ellersiek) :

... Kvankam U. E. A· sur sia speciala kampo bonege laboras, la esperantistaro ne volas konfidi al ĝi la administradon de la internacia reprezentantaro, kiu ja entute havas aliajn celojn, ol U. E. A. (1) La samajn ideojn. kiel en Antwerpen, S-ro Hodler esprimas en siaj antaŭe cititaj kontraŭ-artikoloj, kaj samtempe li faras proponojn, kiamaniere lia ideo pri aligo al U. E. A. povus esti efektivigota.

Kiel oni vidas, ekzistas du partioj inter la kontraŭuloj de propaganda organizaĵo internacia : unu estas senkondiĉe kontraŭ tia organizo, kaj la alia principe aprobas ĝin, sed deziras ĝian aligon al U. E. A. Povas esti, ke ambaŭ partioj, kiuj intense varbas adeptojn por sia ideo, en Krakovo frate voĉdonos kontraŭ la tuta afero, por tiamaniere atingi la komunan celon : malebligi la starigon de « poresperanta » organizaĵo. Tial ŝajnas al mi necese, iom esplori la kontraŭdirojn de ambaŭ partioj, por informi tiujn samideanojn, kiuj ĝis nun restis neŭtralaj al la demando pri internacia organizo. Tion mi faros en sekvonta artikolo. Mi provos malpravigi la opinion de la « neorganizemaj liberuloj », kaj mi esperas, ankaŭ trovi sufiĉe trafajn argumentojn kontraŭ la propono de la « peresperantanoj ».

(1) Oni rimarku tiun logikon : U. E. A. bonege laboras, sed la esperantistaro (?) ne volas konfidi al ĝi la administradon de la internacia reprezentantaro!... Oni ne povus diri pli klare, ke la taŭgeco de la laboro plenumita ne estas konsidero en la solvo de la organiza demando. Ni ankoraŭ rimarkigu, ke U. E. A. tute ne estis fondita dum la Dresdena Kongreso, kie ĝi nur kunvenis — ne sen peno! — sed kvin monatojn antaŭe. (H. H.)

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Repagado de kotizaĵoj.**

Ankoraŭ pluraj Delegitoj ne ankoraŭ zorgis pri la plena repagado de la kotizaĵoj en sia regiono. En la intereso de nia Asocio ni petas, ke ili bonvolu okupiĝi kiel eble plej baldaŭ pri tio.

Ni plie rememorigas, ke ankaŭ la Delegitoj mem devas pagi sian membran kotizaĵon por la kuranta jaro. La lastan jaron ni estis devigataj, konforme al la regularo, forstreki

sufiĉe grandan nombron de Delegitoj, kiuj ne estis pagintaj sian membran kotizaĵon, malgraŭ niaj ripetitaj avertoj. Necese estas, ke por la bonfamo kaj la bonordo de nia Asocio, tiaj faktoj ne reokazu tiun jaron.

**Statistiko.**

Jen la movado de la korespondaĵoj ĉe la C. O. de U. E. A. dum la monato marto :

| Ricevitaj | Mandatoj | Forsenditaj |
|---|---|---|
| 1901 | 273 | 2183 |

Tuta sumo : 4357 (sen la jarlibroj). Antaŭa monato : 5784. Antaŭa jaro (sama monato) : 3066.

**Etato de la Esperantianoj.**

Je la 5 Aprilo estas enkasigitaj de la Centra kaso de U. E. A. 6.655 kotizaĵoj por 1912 (je 20 Marto 6.414) + 176 subtenantoj.

Lastan monaton la jenaj regionoj atingis pli ol 20 membrojn : *Augsburg, Auerbach, Bruxelles*; pli ol 50 : *Dijon*.

*Fakaj membroj.*

*Interŝanĝa Fako* : 316 ; *Laborista Fako* : 67 ; *Virina Fako* : 104.

**Financoj.**

*Konteltiro de U. E. A. de Marto 1912.*

| Debito | Sm. | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Salajroj | 186.00 | Kotizaĵoj | 321.34 |
| Loĝejo | 19.60 | Subtenantoj | 46.80 |
| Oficejo kaj Materialo | 52.94 | Esperantiaj Entreprenoj | 29.14 |
| Korespondado | 80 00 | Anoncoj | 28.16 |
| Presaĵoj | 8.04 | Reklamoj servoj | 19.20 |
| Afranko de Jarlibroj | 74.42 | | 444.64 |
| | 421.00 | | |
| *Saldo* | 23 64 | | |
| | 444.64 | | |

*Fakaj Kotizaĵoj.*

| Debito | | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Interŝanĝa Fako | 39.44 | Interŝanĝa Fako | 27.71 |
| Laborista Fako | 34.66 | Laborista — | 6.50 |
| Virina Fako | 3.16 | Virina — | 5.00 |
| | 77.26 | | 39.21 |
| | | Saldo | 38 05 |
| | | | 77.26 |

**Subtenantaj membroj** (8-a listo) :

168. *H. Kollert* (Tiflis) ; 169. *A. Ross* (London) ; 170. *A. Smith* (Invercargill) ; 171. *J. R. Innocencio* (Rio de Janeiro) ; 172. *J. Tosta* (Rio de Janeiro) ; 173. *H. Chaves* (Rio de Janeiro) ; 174. *Br. de Moraes* (Rio de Janeira) ; 175. *R. Pfeifferkorn* (Rio de Janeiro) ; 176. *C. A. de Oliveira* (Rio de Janeiro.

**Donacoj.**

*De 1 ĝis 31 Marto 1912.*

S-roj : Knegt Sm. 0.50 ; Cowic, Sm. 1.95 ; E. Smith. Sm. 10.00. Entute : Sm. 12.45.

**Novaj Del. Vic. kaj Subdel.**

Alkmaar (Nederlando). — D. : J. L. Theunis, instruisto, Vrouwenstraat, 1.

Aschaffenburg (Germanujo, Unterfranken). — D. : Franto Najvrt, razisto, Frohsinnstr. 14.

Berkley (Usono, Kalifornio). — D. : Edward Irwing, 1.530 Shattuk Av.

Borgo Maggiore (Italujo, Sta. Marino). — SD. : Don Settimio Nicolini, Pastro.

Gummersbach (Germanujo, Rejnlando). — VD. : Karl Otte, reĝa fervoja asistanto, Friedrichstr. 3.

Kempen-a-Rh. (Germanujo, Rejnlando). — SD. : Adolf Junker, arkitekturisto.

Kolomea (Aŭstrio, Galicio). — D. : Oresto Kuzma, studento, 360 Nova.

Okderan (Germanujo, Saksujo). — D. : Max Weitzmann, instruisto.

Posen (Germanujo, Posen). — VD. : A. Brzezinski, str. W. W. Svietzeh 8 III.

Rio-de-Janeiro (Brazilujo). — SD. : Dr. Toledo de Loyola, dentisto, Avenida Rio Branco 153, 2-o andar.

West-Palm-Beach (Usono, Florida). — D. : S-ino E. Esther Owen.

Wurzen (Germanujo, Saksujo). — D. : Willy Bürgermeister, prokuristo, Kœnneritzplatz, 1.

Zwickau (Germanujo, Saksujo). — D. : Otto Moritz Zaulich, puneja oficisto, Blücherstrasse 12.

**Ŝanĝoj.**

Aarhus (Danujo). — D. : Chr. Heilskov, 52, Heibergsgade.

Barcelona (Hispanujo, Barcelona). — D. : Benito Bellver, Milton, 5, 1-o, 2-a.

Dmitrov (Rusujo, Moskov gub.). — D. : Stefan Kogan, doktoro, stacio Ĥotjkovo, Jaroslavskoj jelezn. dorogi Jaraginskaja leĉebnica.

Hildesheim (Germanujo, Hannover). — D. : E. Elten, privata instruisto, Immengarten, 45.

Molenbeck (Belgujo, Bruxelles). — SD. : L. Diederichs, rue Van Mole de Ghorain.

Posen (Germanujo, Posen). — D. : J. Sivinski, Schwalbenstr, 10.

Rio-de-Janeiro (Brazilujo). — D.: Hernani M. Mendes, inĝeniero, Escola Polytechnica. — VD. : José M. Tosta, publika oficisto, 4-a Lecção da Contadoria dos Telegraphos.

Saint-Omer (Francujo, Pas-de-Calais). — D. : Ernest Deligny, licea profesoro, 33, rue Thiers.

Uerdingen (Germanujo, Rejnlando). — D. : H. Meesmann, juvelisto, Oberstr.

En la jenaj urboj ne plu estas Del.

*Miĥailovo, Porto Allegre.*

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Dresden (Germanujo). — *La Esperantisto*. Eldonejo : I. A. Nobis (G. Füllborn) Dresden 22.

Lyon (Francujo). — *Esperanto-Oficejo*, S-ino Farges, 36, rue Victor-Hugo.

Moskvo (Rusujo). — *Libreldonejo « Posrednik »*. Arbat, 36. *Adresŝanĝo.*

Bukarest (Rumanujo). — *Danubo*. Dir. : Dr. G. Robin, 14, str. Belvedere.

**Eksigo.**

Konforme al § 15 de la Statuto, D-ro M. Kandt, komitatano de U. E. A., eksdelegito en Bromberg, estas eksigata el U. E. A. pro nepago de siaj ŝuldoj al la Centra Kaso de U. E. A. je valoro da Sm. 67.01, malgraŭ ripetitaj avertoj en la daŭro de du jaroj.

# Esperantia Vivo

**Edziĝo.** — Ni havas la plezuron anonci la baldaŭan edziĝon de nia fervora komitatano, D-ro Stromboli, el Genova, kun F-ino Maria Vanden-Kerckove, el Antverpeno.

**Morto.** — La 15-an (2-an) de marto mortis ea sia familia hejmo en Vladivostoko la prezidanto de loka Societo « Espero » V. K. Neupokojev. La mondo esperantista bone memoras lian nomon en la vico de tiuj « sulkfosantoj » kiuj ĉiam senlace kaj « fidele sekvis la vojon elektitan ».

V. K. Neupokojev estis kunfondinto de loka esperantista societo kaj ĝia prezidanto dum ĉirkaŭ 7 jaroj.

Per sia nobla kaj afabla karaktero li akiris la senesceptan simpation de ĉiu, kiu havis okazon kun li konatiĝi ; per sia idealeco kaj persisteco en ĉiu-ajn entreprenata laboro li servis kiel modelo al siaj kunlaborantoj sur diversaj kampoj de sia multflanka agado. Ĉe loka Marista Lernejo perdis en lia persono, sian ĉiaman amatan direktoron zorganton, ni esperantistoj Vladivostokaj ĝin sentos des pli dolore, ne povante tutplene konscii ankoraŭ la gravecon de tiu ĉi perdo nun, ni tutkore esprimas al la postrestinta familio niajn sincerajn sentojn de kondolenco. — R. Y. Elleder, (Del., Vladivostok).

# Esperantia Parolejo

### Oni laŭdas

⁂ Mi esprimas sinceran dankon al S-ro *B. Koetz,* Del. Leipzig, kaj al kelkaj tieaj Esperantianoj pro la amikaj servoj ricevitaj el ili dum mia restado. — *A. Kašparek* Vinohrady (Bohem.)

⁂ S-ro *J. A. Hodges,* antaŭa sekretario de U. E. A., kore dankas *S-ron Vermaas* Del. kaj *S-ron Pakker* V.-Del. en Rotterdam (Nederl.) pro iliaj sindonemaj helpo kaj servoj en tiu urbo.

### Grava propono

Granda malfacileco nun ekzistas por multegaj grupestroj, kolektistoj, propagandistoj kiuj ĉiam deziras aĉeti novajn, ĉiutage en tuta mondo aperantajn sigel markojn, poŝtkartojn, prospektojn, propagandilojn. Librejoj niaj malŝatas tiajn novaĵojn kaj estas por multaj (rusoj pro manko de respondkuponoj) tro malfacile mendi je malgrandaj sumoj. Speciale tiuj kiuj deziras aĉeti kolekton da ponumeraj gazetoj, da katalogoj, ktp., devas malŝpari tempon kaj monon. Kontraŭe, ekzistas multaj kiuj ion malgrandan eldonis (ekz. markojn, p. kartojn, libretojn) kaj kiuj ne povas trovi reprezentantojn kaj tenejon por vendi. Nu ĉio estos bone solvita se *Esperantia Librejo* malfermos sian pordon al tiuj etaj komercaĵoj. Ĝi estu universala tenejo da presaj esperantaĵoj — nepre estos profito por ĝi, profito por eldonistoj kaj granda ĝojo kaj ŝparo por samideanoj.

P. Stojan.

*Respondo :* Ne per « etaj komercaĵoj » povos vivi kaj prosperi la Esperantia Librejo, ne pli ol ĉia alia librejo. La sistema komerco, kiun proponas nia korespondanto, postulas tre multe de laboro, ĝuste pro la diverseco de la objektoj kaj eldonistoj, — laboro, kiu neniel estas kompensebla de la kelkspesaj gajnoj riceveblaj per tiu komerco. Plie, ni demandas nin, ĉu estas vere tiel utile eldoni amason da diversaj insignoj, stampoj, sigelmarkoj aŭ poŝtkartoj. Ĉu la Esperantistoj ne povus doni sian monon por pli utilaj entreprenoj, ol tiaj bagateloj de tre duba utileco ?

(Dir.)

# Alvokoj

### Al Esperantaj Korespondantoj

La Esperanto-Societo el Kœln petas nin rememorigi, ke la Germana poŝto tute ne forsendas ilustritajn poŝtkartojn sur kiujn oni gluis la markojn bildflanke. Same ne estas permesate meti la afrankitan poŝtkarton en leterkovrilon kun truo por la stampitaĵo. La Germana poŝto pritraktas tiajn sendaĵojn kiel leterojn ne sufiĉe afrankitajn.

### Peresperanta vojaĝo

Gesamideanoj ! Helpu al ni fari grandiozan peresperantan vojaĝon ! Helpu ne nur plifaciligante la restadon en viaj lokoj, sed per viaj konsiloj kaj informoj por ke ni povu bone prepariĝi al la vojaĝo antaŭe koni la vojaĝprezojn kaj aliajn utilajn informojn. Ni ne scias sufiĉe aliajn lingvojn, krom rusa kaj Esperanto.

Ni veturos ne nur Eŭropon, sed nordon de Afriko kaj, se ni tie trovas samideanojn pretajn helpi al ni, el Egiptujo tra Suezkanalo al Cejlono, Filipinoj kaj Vladivostok.

Jen du proksimumaj vojoj :

Varsovio, Berlino, Dresden, Leipzig, Hamburgo, Nederlando, Bruselo, Antverpeno, Koln, laŭ Rejno ĝis Mainz, Svisujo, Milano, Genova ; Marseille, Barcelono, Balearoj, Alĝerio, Tunizio, Malta, Kairo, Konstantinoplo.

Dua vojo : La sama de Varsovio ĝis Kairo ; el Kairo al Aden, Colombo, Singapur, Honkong kaj Kioto aŭ Nagasaki.

Do, ni petas la gesamideanojn de afrikaj kaj apudoceanoj urboj, skribi al ni laŭ adreso :

Pastro I. Serišev, *Krasnij Jar,* Ŝergolĝin. Zabojkala Oblast, Siberio.

La vojaĝo okazos en somero 1913.

### Al ĉiuj delegitoj

En Ufa, kiel ankaŭ en aliaj urboj de Rusujo, ĉiujare estas aranĝata la « tuberkloza ekspozicio », kiu inter diversaj objektoj enhavas la statistikon de tiu malsano ĉe la homoj, sed ĝis nun mankis simila rilate al bestaro. Tiucele mi decidis, kiel ankaŭ por propagando de Esp., kolekti el plej multe da lokoj de l'mondo la informojn laŭ jenaj punktoj : 1. kiom da gebovoj kaj kaproj estas buĉitaj dum lasta dekjaro, (po jaroj) en loka buĉejo ; 2, kiom da nomitaj bestoj estis tuberklozaj dum tiuj jaroj. Do, mia celo estas — fari statistikon de tuberklozo kaj per tio montri al la publiko la disvastiĝon de Esp. tra la mondo. Precipe mi bezonas la informojn el grandaj urboj de Eŭropo. Mi esperas, ke ĉiuj samideanoj konsideros la gravan taskon kaj tuj petos la konvenajn sciigojn de lokaj buĉejoj, klarigante la celon. Al ĉiu sendinto mi estas preta pagi poŝtelspezojn per U. E. A.

Esperante je atento, mi antaŭdankas.

Veterinaro N. Foss, Del. Ufa (Rusujo).

### Mendu !

Por propaganda celo, niaj legantoj estas tre petataj mendi senpagan katalogon de la firmo Dent kaj Son (Biblioteko « Everyman », 102 Aldine House, *London W. C.*), kies interesan reklamon oni povas trovi en la anonca parto de tiu ĉi No de Esperanto.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

La subaj anoncetoj pri Korespondado estas publikigataj sen garantio de ni pri regula respondo.

La personoj, kiuj deziras korespondi en daŭra maniero kaj havi garantiojn pri akurata respondo, aliĝu al la nova fako de U. E. A. « Universala Interŝanĝa Asocio » (kotizaĵo 0.50 Sm.), speciale starigita por faciligi la rilatojn inter korespondantoj kaj kolektistoj. La adresoj de la membroj de la Interŝanĝa Asocio estas publikigataj en la Interŝanĝa Bulteno.

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* b. fl. = *bildflanko.*

Amiens (Francujo, Somme). — S-ro G. Miroux, 94 strato Croix St. Firmin, PM. PI. bfl.

Bochum (Germanujo). — S-ro R. Stracke, Maltheserstr, 2o, PI. interŝ. Esp. jurnalojn.

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — F-ino Louise Haignéré, instruistino, 149, rue du Moulin à Vapeur, PI.

Bromberg (Germanujo). — S-ro. Louis Segers, PI. L. (kun eksterlandanoj).

Dorpat (Rusujo, Jurjev). — Sro. Paul Poom, lernanto, Kastanienstr. 27, 1. 4.

DRESDEN (Germanujo). — S-ro Kurt Raude, kl. Bruderg. 5, PI. PM., ilustr. gazetojn.

EPERJES (Hungarujo). — S-ro D-ro Tivadar Austerlitz, advokato, PI. (prefere kun statuoj, interŝ, karakterizajn naciajn objektetojn).

IPSWICH (Anglujo). — S-ro Wm. Jolley, 282 Norwich Road, PI. L. (ne kun Germ. kaj Franc.)

IPSWICH (Anglujo). — Fino M. Finch, 59 Crown St. PI.

ISERTHAL (Bohemujo). — S-ro. Wenzel Bartosch, PI. L. fotografaĵojn.

KIEV (Rusujo). — S-ro. R. Rogaĉevski, poste restante, PI. bfl. (kun eksterlandanoj).

KLADNO (Austrio, Bohemio). — S-ro. Fr. Stribrsky, fervoja vagonskribisto, PI. L. (kun gefervojistoj).

KRASNIJ JAR (Rusujo, Siberio, Zabajkala-Verĥmenda). — S-ro Aleksandro Pagirevo, vilaĝanestro, PI. L.

LOSONOZ (Hungarujo). — S-ro. Dro. Aladar Draskoczy, PI. PM. (kun Balkanland., ekstereŭrop., portugal., sved. kaj norveg.)

LUCK (Rusujo-Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.)

MALLORCA (Hispanujo). — S-ro Antonio Barcelo G. de Parades-Consell, PI. L.

MONTEVIDEO (Urugay). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 303, PI., K. (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro A. Tofimov, Tverskaja 26 (Librejo Esperanto), PI. L. kun ĉiulandaj samideanoj, escepte de Austrio kaj Germanujo.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro. S. Ŝabarin, B. Bronnaja 23, kv. 10 (studento-ĥemiisto pri ĥemio kun alilandaj kolegoj).

NOVOĈERKASK/DONA (Rusujo). — S-ro Boriso Popov, Mariynskaja 36, PM.

NOVOĈERKASK/DONA (Rusujo). — S-ino Klaŭdia Popov, Mariyns kaja 36, PI. (belaj kapetoj kaj tipoj, kun ĉiuj landoj).

OLOMOUC (Austrio, Moravio). — Fino Aniĉda Kabligova, Schneeburgova ul., PI. (prefere bildoj de naciaj kostumoj). — S-ro. J. Mastny, juristo, Resslova ul. PI. L. (precipe kun gepartprenantoj de la Krokova kongreso).

PETERBURGO (Rusujo). — S-ro. G. Mertens, Malaja Posadskaja 6 loĝ. 58. PI.

PRAHA II. (Austrio, Bohemio). — S-ro K Noheil, Vyŝehradska tr. 1411, Lekarna. PK.

PRAHA-ZIZKOV (Austrio, Bohemio). — S-ro. Vaclav Strihavka, Husova tr. 117 PI. (kun alilandaj samideanoj).

PROSTEJOV (Austrio, Moravio). — Fino. J. Vŝeteĉdova, Rejsdova 33, PI. L. (precipe kun partoprenantaj de la Krakova kongreso kaj kun Amerikanoj).

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — S-ro. J. Augusto Chaves, rua Manuel Victorino, No 575, Piedade, PI.

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — S-ro. Dominiko Nebo ĉe Soj. Fruitos y Villafranka, 144 Rua do Lovradio, PI.

SEMILY (Bohemujo). — S-ro Josef Fryba, Riegr. nam. 25, PI.

SOTTEVILLE-LES-ROUEN (Francujo, Seine I.) — S-ro L. Neveu, 31, rue lieu Salva, PK.

SPALATO (Austrio, Dalmacio). — S-ro Carlo A. Petronio, bankoficisto, PI. PM. (kun eksterlandaj samideanoj).

TABRIZ (Persujo). S-ro V. Sarkisjan, redaktoro de la jurnalo « Agagan » (pri ĉiulandaj vilaĝoj kaj vilaĝanoj ; historio, ekonomia stato, agrikulturo, statistiko, vilaĝaj bankoj, asocioj, kooperativaj entreprenoj, instruado, leĝoj literaturo ktp.)

TOMSK (Rusujo). — S-ro B-N. Aleksejev, Simonovskaja 28 kv. 1, PI.

TRONVILLE en BARROIS (Francujo, Meuse). — S-ro, Numa Lafrogne, PI. PM. bfl.

VALENCIA (Hispanujo). — S-ro Luis Robres, C. Ramilletes 3 PI.

VARSOVIO (Rusujo). — S-ro Domoslawski, 13 str. Mokotowska, PI (speciale kun anglaj kaj ĉiulandaj « boy-scouts »

VERONA (Italujo). — S-ro Marconi Raffaele, Via Fama 6, PM. PI.

VILNO (Rusujo). — S-ro Ivan Ĉistjakov, str. Tatarskajo No 20, kv. Kliŝ, skulptisto je ligno (kun kolegoj laŭ profesio).

VORONEJ (Rusujo). — S-ro Vlad. Kazmin, Mjasnickaja 7, L. PM.

WARNSDORF (Aŭstrio, Bohemio). — S-ro Karl Fischer, Kreditanstalt, PM. oficialajn PK. L.

WITKOWICE (Austrio, Moravio). — S-ro Alois Barta, Ida str. 392, PI.

ZGORNJA BELA (Aŭstrio, Kranjujo). S-ro Mihael Naglič. Del. de U E. A., poŝto Topaliĉe apud Kranj, PI., L., PM. (respondas per vidaĵoj de subteraj grotoj, riveroj, lagoj, neĝaj montoj, alpaj lagoj, akvofaloj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ



GERMANA GIMNAZIANO serĉas au pair-postenon en Francujo aŭ Anglujo. Parolas angle, france, Esperante. Demandojn bonvolu sendi al : Lüerwaldt, Trofoiach, obersteiermak-Aŭstrujo.

INTERŜANĜO : S-ro Vladimir Ludvik, fotografisto, en Vieno XV/1 Wurzbachg, 14-4 dez. interŝanĝi tutajn poŝtmarkojn aŭstriajn-hungarajn, levantajn, bosniajn kaj afrankos kun malgr. markoj en bloko.

KOMISIONISTO de lanaj kotonaj specimenoj kaj kovriloj por kovri ilin petas ke ĉiuj fremdaj firmoj, kiuj fabrikas tion, bonvolu sendi ĉiajn katalogojn al la jena adreso : S-ro P. Jorba, Mayor 9, Farrata, Barcelona (Hispanujo).

KORESPONDI deziras la lernantoj de Esperanto, Viale Magenta 16 Milano (Italujo) kun ĉiulandaj samideanoj. Aldoni ĉiam aĝon kaj kondiĉon.



LABORON deziras trovi ruslanda 19-jara junulo en ideema terkultura kolonio alilanda, prefere vegetarana. La proponojn oni sendu al Fino. Anna Ŝarapov, Deviĉje pole, Trubeckoj pereulok d. 1o, loĝ. 18-a Moskvo (Rusujo).

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. — Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso : Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

